**Responda redaktoro:** ***Karlo Bodó***

**Redaktoroj:** ***Francisko Szilágyi kaj Ludoviko Totsche***

**Ĉefkunlaborantoj:** *J. D. Applebaum (Liverpool), A. Behrendt (Berlin), P. Bennemann (Leipzig), J. Berger (Köln), M. Blassberg (Krakow), S. Bartha (Budapest), Helmi kaj Hilda Dresen (Tallinn), Stellan Engholm (Nyberget), Jean Forge (Bydgoszcz,) Petro Firu (Bucurest), S. Grenkamp Kornfeld (Paris), Parvus Piscis (Budapest), R. Hromada (Praha), Teo Jung (Köln), I. Yurista (Czesztohowa), S. Kamaryt (Bratislava), E. Knutsson (Malmö), I. Lejzerowicz (Lodz), W. Lippmann (Leipzig), Miloš Lukáš (Trnava), Alessandro Mazzolini (Fano), T. Morariu (Cluj), L. N. Newell (Paris), P. Nylen (Stockholm), Jan van Schoor (Antwerpen), Kenelm Robinson (London), K. R. C. Sturmer (London), R. Schwartz (Paris), L. E. Thomson (Pymble, Aŭstralio), G. Waringhien (Lille), Leono Zamenhof, Feliksi Zamenhof, Lidja Zamenhof, E. Wiesenfeld (ĉiuj en Warszawa).*

**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas. Por publikitaj artikoloj, faritaj por la rubriko Observo, L. M. pagas sen kliŝo 10.— pengojn, kun la prunta alsendo de necesaj kliŝoj 15.— pengojn. La kostojn de la kliŝosendo kovras LM.

La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.

## POŜTO DE ENCIKLOPEDIO

Kelkaj el niaj kunlaborantoj plendas, ke troviĝas samideanoj, kiuj ne volas sendi al ili la necesajn biografiajn detalojn. Ni petas ĉiujn kompetentulojn, bonvolu nepre ŝanĝi tiun ĉi sintenon, kiu malhelpas la laboron de niaj kunlaborantoj. Ni atentigas ĉiujn niajn amikojn, ke eĉ la modesteco devas cedi al la interesoj de tiel grava verko. Ĉiu, kiu ricevas demandfolion, bonvolu kiel eble plej frue respondi al nia landa kunlaboranto. — La demanditaj s-anoj en *Aŭstrio* bonvolu sendi la respondojn al prof. Otto *Simon*, Wien, XIX., Billrothstrasse 31. — *S-ro Archdeancon*. La templimo por via artikolo estas 1-a de majo. La eldono de la Enciklopedio estas certigata, ja nia eldonejo per siaj eldonajoj en 1931 fariĝis la plej granda E-ista eldonejo; la valoro de ĝiaj eldonajoj en 1931 atingis 70 pengojn. — *S-ro Teuchner*. Bonvolu kompletigi vian artikolon per la praktika uzo de E ĉe la polico. — *S-ino Zamenhof*. Danke ni kvitancas vian artikolon pri E kaj bahaismo. Bonvolu indiki al ni fakojn, kie vi povus ankoraŭ kunlabori. — *S-ro Flageul*. Via artikolo pri stenografio postulis multe da laboro. Dankon! Klopodu, ke via artikolo estu interesa ankaŭ por nefakuloj. — *S-roj Arnessen, Atanasov, Domingues, Mc Cormick, Nylén, Puhalo, Schoofs, Spicer* bonvolu informi nin, kiel progresas via laboro. — *S-ro Grosjean-Maupin*. Ni respondos en detala letero.

# LA GRAFOLOGIA KARAKTERSKIZO DE ZAMENHOF

— LÁSZLÓ FARKAS—FENYVES, Budapest —

Multaj atribuas eĉ nun superhomajn kapablojn al la grafologo, imagante lian arton ia mistera, kabalisma »sorĉado«. Estas sendube, ke la skribanalizo postulas talenton, inventemon kaj kombinivan povon, sed ĉi tiujn proprajojn la grafologo povas utiligi nur helpe de la rezultoj de la scienca skribesploro. Por ilustri la sciencan skribesploron, ĉi sube ni prezentas la proceduon pri la analizo de skribo, kaj poste la tiel observitajn karaktertrajtojn ni kompletigos per la individuaj trovaĵoj de la grafologo.

Varsovio 2/14 X 12

Estimata sinjoro!

Respondon je Via demando kaj konsilo Vi trovos en la verketo „Respondoj al la societo", kiu estos eldonita post 4-5 semajnoj. Je ĉiu okazo mi dankas Vin tre por Via bona volo.

Kun estimo

L. Zamenhof

La ĉi supra skribo devenas de la mano de Zamenhof. La unua impreso dum la rigardo de la skribo determinas la grafologian *valornivelon:* ĝi estas individua, kolora, travivita skribo, do la opajn skribtrajtojn ĝenerale favore ni prijuĝos. La evidentaj propraĵoj, la dominantoj de la skribo estas : *senreguleco, ligiteco, rapido kaj malforta plumo-premo.*

La senreguleco de la skribo montras multflankecon de animo, sed samtempe ankaŭ senharmonian sentaron. *La ritmo* de la skribo (individuaj literplektadoj, simpligitaj skribelementoj) igas nin konkludi pri intensa vivo : liaj sentoj forte reagas je liaj eventoj kaj travivaĵoj. Krome ni povas vidi en la skribo delikatan sentemon, viglemon kaj potencan agdeziron.

El la *ligiteco* de la skribo ni povas konkludi unuavice pri spiritaj kapabloj. Li havas eksterordinare akran perceptivon, logikan kaj disciplinitan cerbon. La opaj literplektadoj estas la signoj de bona observkapablo, spirita memstareco kaj kritiko. La liniokonduko kreas kombinon de fadenaj kaj arkadaj formoj (m kaj n) el kio oni povas konkludi pri streĉitaj nervoj kaj enfermiĝemo. La opaj arkadformoj, aparte, montras persiston kaj tenacon.

La *grandeco* de la skribo estas normala, do li estas memkonscia, sed ne arogema. La grandiĝo de la opaj litertigoj (r, g, j) esprimas la enhavriĉon de la senta vivo, sed samtempe atestas ankaŭ pri animaj problemoj kaj penaj meditoj.

La granda *rapido kaj ligiteco* de la skribo estas la projekcio de spiritaj kapabloj : celkonscio, produktemo, mensa fekundeco. La *granda rapido kun arkada liniokonduko* montras intelektan persiston, tenacon, eĉ, en kelkaj rilatoj, fanatikan fidelon al principoj. Fiksinte por si celon, li povas koncentrigi sian tutan energion, li administras sin kun bona kapablo de trarigardo kaj kun kontentiga orgânizа forto. La plumo-premo estas facila kaj proporcia, kio estas signo de spirita vigleco, kritika sento kaj pli altranga inteligento.

La larĝeco de la skribo estas normala, la malplenaj lokoj inter la vortoj estas proporciaj, montrante memkritikon kaj disciplinitecon. Li estas energia, agema, produktiva en laboro.

La tre antaŭenklinita skribo pruvas, ke li forte reagas je siaj travivaĵoj, siajn impresojn li zorge konservas, kion lastan konfirmas ankaŭ la forvagantaj malsupraj liter-tigoj.

La skribo estas dekstren-ira, la linioj havas konstantan direkton al la dekstra marĝeno, atestante pri granda laboremo, kaj samtempe pri vasta kontakto kun la ekstera mondo.

La skribo estas ĝenerale simpligita, individua. Superfluaj ornamaĵoj mankas (majuskloj !), la aŭtoro do havas realan vivkoncepton kaj klopodas, sen pozoj kaj eksteraj efektoj, pri senpereco kaj senartifikeco.

La interlinioj estas ordigitaj, projekciante la sistemecon de lia penso-mondo : li povas akre distingi, disponas pri vasta trarigard-kapablo. La dekstra marĝeno estas sendecida, el kio ni povas konkludi pri certa sensperteco en materialaj aferoj.

La literoj estas plejparte individuaj, modifitaj, do ili devenas de pli altranga intelekto (L, K, s, g, n, r). La antaŭenklino de la majuskloj malkaŝas ĝentilecon, socialan inklinon. La finoj de la vortoj estas pli malgrandaj, ol la kutimaj trunkliteroj : ĉi tio estas signo de kombinkapablo, kaj signo de akra perceptemo.

La ĝisnunaj konstatoj donas la spinon de la skribanalizo. Kompreneble, la tiel elfositaj karaktertrajtoj estas en si mem ankoraŭ senordaj kaj prezentas nur sekan, krudan kaj mankhavan karakterbildon. Se ĉi tiujn konstatojn ni grupigas, kaj ilin ni kombinas kun la spertoj de la grafologia praktiko, kaj kompletigas per la individuaj, intuaj trovaĵoj de la grafologo, ni havos la sekvan, unuecan, koloran karakterskizon :

Homo vastkoncepta, disponanta pri neĉiutagaj spiritaj kvalitoj. En lia vivarangô la intelektaj faktoroj unuiĝas kun lia enhavriĉa sentmondo en feliĉa harmonio ; li estas vastperspektiva, li povas transrigardi siajn vivcirkonstancojn. Li estas ĉiufibre laborema kaj kreema, liaj streĉitaj nervoj instigas lin por konstanta produktado. En sia laboro li estas ekstreme produktiva, en la intereso de siaj celoj li subpremas siajn nervozajn inklinojn, li estas devkonscia, liaj vivkonceptoj estas korektaj.

Lia spirita vivo estas ordigita. Li estas inventema, memstara, havas fekundan menson kaj fortan logikecon. Celkonscia, en intelektaj sferoj persista kaj tenaca, ofte ĝis fanatismo, sed lia akra kritika sento retenas lin de troigoj. Por siaj celoj li povas koncentrigi sian tutan energion, li administras sin kun akra trarigardkapablo kaj kontentiga organiza forto. Memkonscia, sed neniam tromemfida aŭ tropretendema. Li havas akran konceptkapablon kaj vastan intereso-sferon. Realema, tute sen dogmoj kaj antaŭjuĝoj ; sociaj eksteraĵoj kaj vantaĵoj lin ne logas.

Senpera, sed ĉi tiu ekstera senpereco kaŝas senteman, enfermiĝeman animon, ĉar je komunikado,

plena ekmontro de sia senta vivo li estas ema nur kun malmultaj homoj, li ne volas ŝarĝi aliajn per siaj *problemoj. Lia sentomondo estas riĉa, je siaj travivaĵoj* forte li reagas, siajn impresojn zorge li konservas gardante, liaj individuaj, koloraj observoj donas apartan enhavon al lia vivo. Lia sociala sento estas alte evoluinta, volonte li helpas. Li estas treege bonvola, plena de sento, de amo, en liaj agoj lin direktas liaj sentoj, tiel, ke en materialaj aferoj ofte li estas cedema kaj *humana je sia propra malutilo.*

Generale, per ĉi tiu skribo ni ekkonas maloftan, grandskalan, valoran homon, kiu pli multe produktis, ol kiom li povis atendi de la vivo kaj multe pli multe donis, ol kiom li ricevis kontraŭvalore.

---

# Bohema tago

## L. N. Newell, Paris

La studento malrapide malfermis unu okulon kaj metis la pinton de la nazo ekster la litkovrilojn ; kaj tuj ĝin retiris. Frostas ankoraŭ ĉi matene ; li kuŝis kelkajn momentojn rigardante sian spirvaporon leviĝantan al la plafono, ĝuante la varmon de la lito.

Tre kontente li pensis pri nenio. Nenio... nenio... kiom bela estas nenio... nenio estas nenio ; vere. Subite li saltsidiĝis sur la lito : diablo ! kioma horo estas ? Li time rigardis la horloĝon. Ĝi estis bela horloĝo, donaco de parencoj en lia hejmlando malproksima kaj aspektis, se oni ne tro atente rigardis, kvazaŭ el oro. Ĝi fruis dek minutojn po tago : utila trajto ĉe horloĝo de tiu, kiu devas leviĝi frue. Bedaŭrinde, li neniam aŭdis ĝian sonoron matene kaj dormis ĉiam preter la leviĝo-horo ; ĝia speciala merito do ne multe utilis.

Ĝi montris naŭan kaj duonon. Infero kaj diabloj ! Li malfruos denove ĉe la unua prelego en la Sorbono. Li faris konvulsian movon, kvazaŭ por salti el la lito : tiam paŭzis. Tamen, tamen, ĉu ne estas libertempo hodiaŭ ? Malrapide la bela penso grandigis lian koron, tiel ke li forgesis eĉ la malvarman aeron ĉirkaŭ siaj ŝultroj. Jes, vere, marŝalo de Francujo mortis kaj hodiaŭ oni enterigas lin. Benata estu tiu marŝalo ! Oni dekretis libertempon unutagan. Oni ne bezonas esti pacifisto por deziri la morton de ĉiu marŝalo kaj generalo en la mondo !

La studento rapide refalis kaj kuŝis sur la maldekstra flanko. Nu, necesas leviĝi, tamen ; oni ne povas dormi kiel porko tutan tagon. Li konsultis sian stomakon ; tio ankaŭ konsilis la paŝon necesan por matenmanĝo. Li turnis sin kaj kuŝis sur la dekstra flanko, kaj fikse rigardis la malhelajn murojn de la ĉambro, la polvokovritan plankon : bedaŭrinde, ke la dommastrino estas tiom mallaborema — sed kiam oni pagas nur cent kvindek frankojn monate, oni ja ne kuraĝas plendi. Li rigardas la mornan fornon, kiu nenion entenis de kiam li ekluis la ĉambron ; kaj per natura flugo de l' penso, li rigardis tra la altaj fenestroj la grizan, neĝogravedan ĉielon. Ankoraŭ pli malvarme !

Li serĉis kialon por ne leviĝi... sed ne trovis. Do jen, jam li sidas sur la rando de la lito, penseme okulumante siajn pantoflojn pacience atendantajn. Hezito ne utilas ; li saltis al la nuda planko kaj rapidege surmetis la pantoflojn, kaj staris momente, aŭskultante. Nenia sono, krom la majesta tiktakado de la horloĝo ; do la dommastrino jam foriris al sia ĉiutaga laboro. Li povus kredi, ke tuta Parizo mortis, aŭ perdiĝis sub dika neĝtavolo. Kun tiro de la ŝultroj li iris en la malgrandan kaj malpuran kuirejon kaj plenigis kaseroleton per akvo. Tiam fivortis ; li denove lasis la alumetojn en la litĉambro. Tremante kaj sin ĉirkaŭbrakante, li susure paŝis al la apudlita tableto, kiu portis la kandelon kaj libron kiuj provizis la lastan regalon antaŭ dormo nokte, prenis la alumetojn, kaj reiris al la gasforno en la kuirejo. Bruliginte, li komencis akrigi sian razilon ; li troigis siajn movojn por varmigi sin samtempe. Liaj pensoj vagis al la hejmo trans kvar landlimoj ; kiom varme estis tie ! Kiom bone malsupreniri la ŝtuparon en la manĝoĉambron, kaj manĝi ĝis sato kun konataj, amataj vizaĝoj ! Ah ! eble estas letero. Li rigardis ĉe la ekstera pordo de l' apartamento ; ne, ne estas hodiaŭ. Kiam li trovos oficon, post fino de l' studoj, li plenegigos tiun fornaĉon, ĝis ĝi ne povos spiri ; diablo ! oni bezonos tutan jaron por revarmiĝi !

Bolas la akvo ; bone. Li plenigis tason kaj portis al la granda spegulo de sia vestoŝranko. Trempinte la penikon, li komencis ŝmiri la vizaĝon, kun volupta sento ĝuante la varmon de l' akvo. Nun li iomete malpli tremas ; bone, ĉar oni facile tranĉas al si la orelon, sin razante, kiam oni tremas pro glacia aero.

Li rigardis sian vizaĝon tre serioze en la spegulo. Kurioza tipo ; fine, estas io simpatia, en kelkaj pozoj. Li komencis sapumi, kaj altigis la nazon. Nu, jen, tiel li havis mienon iom impresan ; jes, sed ne estas bone alpreni tian sintenon kiam oni estas malriĉega kaj samtempe ne scias obeigi eĉ kelneron... Eble tiel, jes tiel, kun la kapo klinita antaŭen, la okuloj larĝe, melankolie malfermitaj, jes, tiel li aspektas — nu, interese. Subite li ekkonsciis pri siaj agoj, moke kurbigis la lipojn al sia reflekto, tremrapide alprenis la razilon kaj entuziasme skrapis.

Denove la ĉiutaga problemo : ĉu lavi sin per varma akvo aŭ malvarma ? Li estis stariginta por si spartanan regularon, por sin hardi ; kaj inter ili troviĝis la tre firma regulo, lavi sin ĉiam per malvarma akvo, eĉ dum la plej malvarma vetero. Sed... sed ja kostas nenion, kaj li hodiaŭ ne povos pasigi la matenon en varma aŭlo de la universitato. Li reveme portis kuveton, sapon, dentbroson kaj dentpudron, kaj mizere maldikan viŝtolon, al la ŝtona trogo de la kuirejo ; tamen, ne estas bone cedi sin al la luksemo, almenaŭ, ne ĝis kiam oni havos sufiĉe da mono por kontentigi sian deziron. Ankoraŭ profunde pripensante la problemon, li meĥanike, nekonscie, plenigis kaserolon per akvo kaj bruligis la gasfornon. Vidinte sian agon li ridetis rezigne... Li ĝoje trempis la manojn en la varma akvo, kaj komencis lavi sin. Kion diris la angla poeto pri »la beno de l' varmega akvo« ?

Preskaŭ varma, krom ĉe la piedoj, li sekigis sin, kombis la harojn, kaj zorge prenis la pantalonon de inter la matracoj. Necesis akrobataj pozoj por demeti la piĵamon kaj surmeti la pantalonon tiel, ke la ekstremoj ne tuŝu la polvon sur la planko ; sed li sukcesis. Li kritike rigardis sian kolumon ; eble oni povos porti ĝin ankoraŭ pluan tagon ? Ne estas tre malpura, kaj cetere, li ne devos montri sin hodiaŭ al la profes-

oroj. Lastan semajnon la tollavo kostis pli ol dek frankoj ; tiun ĉi semajnon necesas ŝpari.

Vestinte sin, li admiris en la spegulo la faldon de la pantalono ; kaj sin turnis al la plej grava ero de la matena ceremonio : la matenmanĝo. Li portis la lakton, aĉetitan hieraŭ vespere, al la kuirejo, kaj denove bruligis la gason sub la kaserolo. Dum la lakto varmiĝis, li pecigis panbuleton kaj metis en tasegon ; kaj poste surverŝis la bolintan lakton. Sidinte ĉe la tablo, kaj apoginte lernolibron pri la romana juro kontraŭ la kruĉo, li komencis manĝi. Li manĝis malrapide, plengustumante ĉiun buŝplenon aprezeme : ja ne estos plua manĝo ĝis la vespero. Fininte la manĝon, li provis ankoraŭ studi, sed ne povis atenti la legaĵon : li tro tremis de la malvarmo.

Kun suspiro,* li leviĝis, surmetis la ĉapelon kaj palton, kaj eliris, zorge ŝlosante la eksteran pordon. Nun malsupren, unu, du, tri, kvar, kvin, ses etaĝojn. Ĉe ĉiu etaĝo la peza bruo de la urbo plilaŭtiĝis, kaj li aŭdis la akran trumpetadon de la taksioj. Li kriis »Bonan tagon, sinjorino !« al la pordistino, kaj jam staris sur la strato. Parizo havis sian kutiman matenan aspekton. Fluis kantete pura akvo ĉe l' randoj de la vojo, tiel ke la subaj ŝtonoj prenis siajn naturajn helajn kolorojn, kaj faris frapan kontraston kun la kota trotuaro. Estis nigra vento, kiu silente kaj rapide ŝtelis la varmon ; la ĉielo subpremis la teron. La domoj ŝajnis kunpremi sin por trovi iom da ŝirmo kontraŭ la vento.

Kien ? Unue al la Panteono. Li elektis punkton sur la granda placo de kiu li povis vidi samtempe la Panteonon, la preĝejon St. Etienne-du-Mont kaj la longan flankon de la biblioteko Ste. Geneviève. Tre baroka, tiu St. Etienne-du-Mont, tre jezuita, iom tro emfaza, sed gaja, fiera, kurbe bela, eĉ sub la ombranta maso severa de l' Panteono. Kaj la renesanca gracio de la biblioteko memorigis lin pri la suno de Italujo. Jes, li pravis, venante al Parizo ; esti ĉirkaŭita de tiaj belaĵoj valoras la malvarmon, la nesufiĉan manĝadon, eĉ la solon. Li staris por aprezi la scenon, sed la vento ponardis lin, kaj li formoviĝis, profundigante la manojn en la poŝojn.

Li paŝis en tiun perditan vilaĝon, kies centro estas la placo kie renkontiĝas la strato Descartes kaj la strato de la Montagne Ste Geneviève : vilaĝo antikva, vivoplena, malriĉega. Li rigardis la dommastrinojn susurirantajn en pantofloj al butikoj, kun pensoj kuncentritaj je ŝparo.

Kioma horo ? La dek-unua kaj dek-kvin. Ankoraŭ kvardek-kvin minutojn ĝis kiam li povos permesi al si tason da kafo. Li komencis marŝi malrapide, sed denove haltis. Ja kien ? Nu, al la Sejno, ni vidu ĉu ankoraŭ estas inundo. Pasante la kafejojn, li forturnis la kapon, por ke la tento eniri ne estu tro forta. O plumbopieda tempo, kial oni diris, ke vi flugas ? Vi eĉ ne rampas... Ah, jen la Sejno, kaj Notre Dame revanta pri siaj jarcentoj kaj pri sia ne plu komprenata belo. Tiu kirliĝanta, grize-verda akvo — kiom kruela, malvarma ! Kiel la homoj povas ĝin preterpasi, eĉ ne rigardante kun tremeto ? Li forturnis la okulojn, kaj komencis trafoliumi la librojn de la librovendistoj de la kajo, sed sen granda intereso, sciante, ke li ne povos aĉeti. Se oni amas librojn, estas malbone rigardi ilin kun poŝoj malplenaj.

Ĉu eterno komenciĝis ? Estas ankoraŭ nur dudek antaŭ la dekdua. Ankoraŭ dudek minutoj : dudek

* Suspiro : senvoĉa ĝemeto de rezigno aŭ sopiro.



*Berlevi* *Portreto*

eonoj, dudek abismoj en la tempo, ĝis kiam li povos eniri lokon kie estas homa varmo.

Li tiris ĉirkaŭ si pli strikte la palton, kaj klake paŝis sur la ponton. Se li marŝos al Parvis Notre Dame, al la Châtelet, trans la riveron denove, tiam laŭ strato Monsieur le Prince (kiom ĝia nomo memorigas pri tiu helkolora teksotapeto, kiu estas la historio de Francujo !) en la ĝardenon de la Luxembourg, kaj de tie laŭ bulvardo St. Michel, li alvenos al la kafejo de la Sorbonne proksimume je tagmezo. Eble li tie renkontos konaton de l' universitato ; estus bone babili super bonodora kafo.

En la kafejo estis la kutima aro da studentoj : junaj, fanfaronemaj, kriantaj aforismojn por solvi ĉiujn problemojn de l' universo. Estis tie neniu de li konata, sed rekompence estis varme, viglige. Li mallevis sin sur remburitan benkon kun suspiro, kaj mendis la sopiratan laktokafon. Li metis alumetojn kaj cigaredujon sur la tablon, kaj atendis : la sibarito estas metodema pri siaj plezuroj, kaj la studento neniam bruligis sian cigaredon ĝis post la unua gustumo de l' kafo. La kelnero tinte starigis la glaseton, kun miriga lerto ĵetverŝis unue kafon, poste lakton. La studento kirlis zorge, pie gustumis, kaj atentis la revenan guston sur la palato. Li ja estis sibarito. Nun la cigaredo. Li prenis unu el la cigaredujo ; ekzamenis ; elektis la pli firman ekstremon ; kaj metinte inter la lipojn, almetis brulantan alumeton. Li ensuĉis ravite la fumon kaj tenis en la pulmoj, kun duonfermitaj okuloj ; elspiregis, kaj rigardis la leviĝantan nubon. Ah, jen ĵurnalo, okazo por ekzerco pri la franca lingvo ; li legis atente.

Je la dua kaj duono li eksentis sin nekomforta ; ne plu estis eble sidi senzorge, profundiĝinta en la legaĵo. Li levis la rigardon, kaj renkontis la akuzajn okulojn de la kelnero, kiu ne aprobis homojn kiuj sidas preskaŭ tri horojn super unu glaso. La studento rapideme trinkis la lastan malvarman guton de la kafo, metis frankon kaj duonon apud la teleron, surmetis la ĉapelon, kaj eliris sur la bruan bulvardon. Li sentis sin varma,

# Poemoj

– Hendrik Adamson –

## Rezigno

Ne frapu sur koro, fermita la pord'
kaj vana la peno, iru for, iru for!
Mi longe atendis, sed, laca ĝis mort'
nun ĉesis, forgesis, iru for, iru for!

Varmege mi amis, doloris la kor'!
ĝi plu ne doloras, iru for, iru for!
mi plendis pri l' sorto kun larmoj kun plor',
nun ĉesis, forgesis, iru for, iru for!

Mi vokis, mi ludis, disŝiriĝis la kord'
la harp' disrompiĝis, iru for, iru for!
furioze batalis mi kontraŭ la sort',
nun ĉesis, forgesis, iru for, iru for!

Ne veku pasinton; ho, kia tortur',
se ĝi reviviĝos, iru for, iru for!
Ne frapu sur koro, fermita la pord'
kaj vana la peno, iru for, iru for!

## Amekstaz'

Kisu min, mordu min,
amu ĝis morto min,
eble vi morgaŭ min
ne amos plu.

Eble vi lasos min,
baldaŭ forgesos min
kaj ne permesos min
vin ami plu.

Ho, ĉi-tiu hor'
de volupt', ador',
kune ĝoj', dolor',
gaja rid' kaj plor'.
Verva amfervor'
ĝis ekkrev' de kor'
kaj post ĝi langvor',
dolĉa rememor'.

Nin luladu anĝeletoj
kaj bruladu kandeletoj
hele, brile,
vi eksonu, gajaj triloj
de amkantoj,
por dormigi geamantojn
en nokthoro,
kor' ĉe koro.

Nin vizitu, sonĝo ora,
ond' de flora
bonodoro...

## Ŝi

Hararo via sukceno,
okuloj nigraj agat',
fajreroj en ili rubenoj
kaj lip' el karn' de granat'.

Manetoj sen dub' alabastraj,
unget' kvazaŭ rozpetal',
briletas vi astr' inter astroj,
el plej multekosta metal'.

---

pli esperema; sed la penso pri la kvin horoj inter nun kaj la vespermanĝo ombris lian menson.

Per marŝado rapida kaj malrapida, per rigardado en butikofenestrojn, per observado de la tipoj sur la stratoj, per meditado pri la belsonaj kaj memorplenaj nomoj de la stratoj Parizaj, per kvaronhoroj pri kiuj li poste memoris nenion, li sukcesis pasigi la tempon ĝis la sesa kaj duono; kaj tiam li permesis al si la lukson, demandi sin, en kiu lando li vespermanĝos. Eble en la rumana aŭ la hungara restoracio; la pladoj estas grasaj kaj varmigaj. Eble en la ĥina — ne, oni bonege manĝas, sed por unu persono la kosto estas iom alta. Eble en la rusa ĉe la supro de la strato St. Jacques; tie oni povas aŭskulti belajn rusajn kantojn ludatajn per gramofono, kaj la borŝto estas rava. La pola proksime de la Luxembourg estas ankaŭ multekosta; tiu ne taŭgas. Ĉu la bulgara en la strato Monsieur le Prince? Aŭ la rusa vegetarana en la strato de la Montagne Ste Geneviève? — tiu estas malkara, pura kaj kvieta; sed ne, hodiaŭ li nepre deziras iom da viando. Ĉu la itala... tamen, ĉu tiu vegetara, kiu kostas nur kvar frankojn, kaj kie ne estas kelneroj?..

Li marŝadis, pensante pri la elekto; surprizite rimarkis, ke estas la sepa dek, kaj ankoraŭ li ne estas elektinta. Nu, necesas decidi; kiun iri? kiun iri? Nu, la rusa; li ekpaŝis. Tamen, tiu estas je fiksita prezo, kaj en tiaj restoracioj oni preferas rapidajn gastojn. Do, estu la rumana; estas tie varmiga manĝo.

Horon kaj duonon poste, li trankvile paŝis denove en la kafejon de la Sorbonne, kun la mieno kaj kontenta menso de bone nutrita grafo.

Li mendis kafon, ekfumis la trian cigaredon de la tago, kaj eltiris el la poŝo la Eneidon, kiu nun, post tuttaga portado, taŭgis al lia humoro. Li profundiĝis en la ondanta tondro, la fatala marŝo de la latina:

Tamen ĉielo turniĝas kaj el Oceano leviĝas
Nokto, per ombro densega vindante poluson kaj teron,
Kaj artifikojn Mirmidajn: tra urbo Trojanoj vagadas,
Poste silentas; kaj membrojn lacetajn penetras dormado,
Kaj militaro Arguja samvice sur ŝipoj elvenis
Jam al Tenedo, vidata sub luno amike silenta:
Bordon ĝi iris konatan. Dum flamon levigas ĉefŝipo
Reĝa, Sinono, de diaj fataloj savita maljustaj,
Trabojn malfermas abiajn, Danaojn en ventro kaptitajn
Liberigante. Tuj ilin al lumo redonas ĉevalo
Monstra...

Subite li vekiĝis; oni parolas al li — kio estas? Tiam li rimarkis, ke la virino sidanta ĉe la tableto argumentas kun la kelnero pri la pago, kaj en rapida franca lingvo petas la subtenon de la studento.

»Pardonu, fraŭlino, mi ne aŭdis — vi komprenas, mi ne tre alkutimiĝis al via lingvo — mi estas alilandano...«

Rigardinte lin serioze, trankvile, ŝi sin turnis al la kelnero, kaj daŭrigis la argumenton. La studento provis reiri al Trojo:

# Poemoj

— Hendrik Adamson —

## Ĉu ni

Arbaroj plenaj je piceoj,
en kapoj mankas la ideoj.

Bonege kuras la kasistoj,
la kankroj »ruĝaj« kaj »faŝistoj«.

Londone-densaj la nebuloj,
lingvistoj luktas kun reguloj.

En parlament' ekzercoj boksaj
kaj' paroladoj paradoksaj.

Malsato regas ĉe l' verkistoj,
sen trust' produktas nur ĉerkistoj.

## Al profeto

La mond' deliras sangebria,
pretiĝas nova fratobuĉ';
profet', ne ĵetu perlojn viajn
al porkoj; via dev' — la fuĝ', —
dezerto viajn pensojn scias,
se vi predikas, ŝtonoj krias.

Preferu vian liton sablan
al kiu ajn alia lit'
kaj la mizeran manĝotablon
al tablo de la sibarit',
li longe antaŭ mort' jam putras,
laŭ vol' de Di' vin korvoj nutras.

Sur via korp' la simplaj vestoj
neniom cedas al purpur';
vizitas milde vin la bestoj,
alproksimiĝas kun murmur';
dum homon ŝiras hom' per dentoj,
indulgas tigroj vin, serpentoj.

Sed iam ankaŭ hom' komprenos,
ke li naskiĝis por fratam';
nur tiam via temp' alvenos
por ke ekbrulu vorta flam',
nur tiam via pov' sin montros,
subite via voĉ' ektondros.

Ĝis tiam — preĝo kaj silento,
atendu, — aliiĝas mond',
ekkaptos nepre homojn pento,
ekregos nepre homojn hont',
eksonos ĉie larmaj ploroj
kaj por semad' pretiĝos koroj.

## Cim'

Cim', cim', ci mordas min
sen hont', sen tim',
cim', cinika cim'.

Cim', cim', mi kaptos cin,
dispremos cin,
cim', cinika cim'.

---

Estis momento ĉi kiam unua dormeto komence
Donon dankindan de dioj en homojn enigas mizerajn.
Jen al mi, antaŭ okuloj, subite Hektoro aperas
Sanĝe, fortege malĝoja, kaj larmojn verŝanta multegajn;
Tiel li estis do, kiam duopaj lin trenis ĉevaloj,
Sanga je polvo kovritan, per liaj piedoj ŝvelintaj,
Kiujn rimeno traboris...

Ne eblas; la ĉarmo forflugis. Li ekrigardis la fraŭlinon, kaj trafis ŝin rigardanta lin. Li rimarkis rapide, ke ŝi portas felan palton, estas juna, pala kun ombroj sub la okuloj, diskrete ŝminkita, havas brunajn harojn.

»Tiuj kelneroj!« ŝi diris; »ili ĉiam tro postulas. Vi parolas france?«

»Jes, meze bone, kaj komprenas bone se mi atentas.«

»Nu, vi tre baldaŭ mastros ĝin. Vi estas studento?

»Jes, fraŭlino.«

»Mi bone konas la studentojn. Mi estis la amikino de studento alilanda, ĝis antaŭ ses monatoj. Sed li finis siajn studojn, kaj reiris al sia hejmo.«

Li sentis al ŝi grandan dankemon: unua dum la tago ŝi parolas al li homece. Liaj okuloj karesis ŝin, ridete.

»Do, vi eble nun estas iomete sola?«

»Jes, antaŭe mi ĉiam estis kun li — nun mi estas sola. Li devis reiri; sed li ne tre bone traktis min. Li proponis doni al mi dek mil frankojn, sed mi volis dudek mil — oni devas vivi. Li rifuzis, sed de tempo al tempo li sendas al mi iom da mono.«

»Kio estas via profesio?«

La studento ruĝiĝis; li sentis subite, ke eble tiu demando estas maltakta. Sed ŝi respondis tute trankvile.

»Mi estas kudristino — sed mi ne laboras nun. Oni ĉiam devas labori sub virino, kaj tion mi ne povas toleri. Vi komprenas? — la virinoj amas piki unu la alian, kaj kiam estas tro multaj en profesio, oni ne povas argumenti. Ne, tion mi ne ŝatas.«

»Do, ĉu vi — ĉu vi permesas demandon?... Kiel vi sukcesas subteni la vivon?«

Ŝi ete tiris la ŝultrojn kaj grimacetis ĉarme.

»Nu, mia studento kelkfoje sendas monon. Mia ĉambro kostas nur cent dudek frankojn monate. Mi vivas. Sed la iometo da kapitalo, kiun mi havis, eluziĝas; necesas io. Do mi kelkfoje konatiĝas kun sinjoro, sabaton aŭ dimanĉon — nur sabaton aŭ dimanĉon, vi komprenas — kaj eĉ ne ĉiusemajne. Kion vi volas? Aliaj faras, kaj mi estas tre zorgema, kaj tre diskreta. Mi neniun ĝenas. Kaj ĉiudumonate mi vizitas la kuraciston — ĉiam la ekzameno estas negativa.«

Ŝi rigardis lin demande, ne trude. Denove li sentis al ŝi absurde, freneze dankema: iom da intimo, iom da homa kontakto, propono de amikeco — komerca, eble, sed... sed, nu, tamen, ŝi proponas doni sin, kaj neniu povas fari tion sen varmo ĉe la koro. Li subite deziregis kunecon kun ŝi, kunparolon, kunmarŝon; ne plu la sola vivado, estus iu kun kiu komenti la pasantan horon, la legaĵon, la homojn.

# Eterne sama

— V. Sutkovoj —

1928.

Vi, kara, min vizitis
En loko malproksima,
En hele suna tago,
Kaj mi atendis vin,
Amike vento glitis,
Vin, milda kaj intima
Realo de l' imago,
Mi vartis en la sin'.

...Ĉu povas la krajono,
Ĉi lignopec' senviva,
Rakonti ĉiujn vibrojn
De mia juna kor'?
Ĉu povas monotono
De verso nesentiva
Plenigi paĝojn librajn
Per dolĉa am-sonor'?

Ni, kvazaŭ geinfanoj
Liberaj kaj petolaj,
Kuradis sur vojetoj,
Sidiĝis ĉe la mar',
Dum sur ĉiel' nubetoj
En ĝojaj karavanoj
Lanugaj, plume molaj
Sin miris en ondar'.

Kaj poste, en vespero,
Ekbrilis sorĉe luno
Sur nigre blua pluŝo
De l' fora firmament'.
Malvarma ĝia sfero
Nin, en la dolĉa kuno,
Aspergis per la duŝo
De hela bril-torent'.

Ni paŝis brak-en-brake
Ĉe detruita muro,
Sed en la kor' ĝardeno
Ekĝermis de l' junaĝ'.
Sub la piedoj krake
Ĝemploris gruz-susuro,
Kaj ŝajnis ĉi promeno
Feliĉa am-vojaĝ'.

Ni poste longe sidis
Silente, man-en-mane,
Dum pulsis niaj koroj
Laŭ sama ritm-akord',
Kaj nin la pensoj gvidis,
Torĉantaj talismane,
Al miraj landoj foraj
De nigramara bord'.

Dum la plej ĉas'a kiso
Sigelis nin ĉe l' buŝo,
Sen fulma sent' volupta,
For de pasia flam':
Mi sentis: eta miso,
Nur unu falsa tuŝo
Jam estos romp' abrupta
De nia pura am'.

Kaj tion ni evitis.
Ni ne transpasis sojlon,
Nek levis la kurtenon
De sur diin' Venus'.
Ni for de l' ter' gravitis,
Ŝi serĉis nur konsolon,
Ŝi serĉis nur subtenon
Sur mia juna brust'.

Kaj mi? ja mia sorto
Eterne estas sama:
Sufero por animo,
Por ne amiva kor'.
Eterna teda sporto
Per pilko — am' senama,
Raket' — intim' kun limo
En la senreva plor'.

Min tutan mi ne donas
Al ama paroksismo,
Mi, tro senenergia
Kaj tro senvola hom',
Nur haltas kaj rezonas
Starante ĉe l' abismo
Kaj en decid' racia
Min ĵetas al fantom'.

Kaj mia tuta vivo —
Nur pala fantomaro,
Nur vaksa panoptiko
Kreita de l' imag'.
Alud' al efektivo,
Premanta sonĝ' — koŝmaro
De deliranta psiko,
Akir' por ĉies sag'.

---

Kia ironio: li eĉ ne havas sufiĉe da mono por bone manĝi! Se ŝi scius, kiom malriĉa li estas, ĉu ŝi ankoraŭ ridetus tiel amike? Li esploris ŝiajn trajtojn — la klarajn grizajn okulojn, la buŝon iomete tro larĝan, la iel bonkoran esprimon — kaj li kredis, ke jes.

Li konsciis korpon ĉe sia flanko, kaj suprenrigardante, vidis studentinon iomete konatan.

»Hola! Estas vi?«

»Jes, jen mi; ĉu bone marŝas?«

La virino ĉe la tablo leviĝis kviete, milde, kaj estis maltrudeme foriranta. La studento haltigis ŝin per gesto, kaj proponis la manon. Ŝi premetis ĝin.

»Ĝis revido, fraŭlino; eble ni denove renkontiĝos tie ĉi.«

»Eble; ĝis revido.«

Ŝi ridetis, provante nei sian ekziston per persista nerigardado al la studentino.

La studento turnis la okulojn al la bruanta homamaso sub la ŝvebanta fumo; parolis kelkajn frazojn banalajn, kaj eliris sur la bulvardon. Estis mallume: la kafejoj plejparte jam fermiĝis. La bulvardo estis preskaŭ senhoma, kaj la vento glacie penetris eĉ la plej dikan palton.

Kun tremeto, kaj malluma penso pri la varmo kaj kuneco forlasataj, li sin turnis maldekstren, al la placo de la Sorbonne. Ĉe la angulo estis malhela, senforma amaso, kaŭranta flanke de rubujo. Preter-

# FESTO

– STELLAN ENGHOLM –

Estas ĉirkaŭ tagmezo de la tago antaŭ kristnasko, kiam la maljuna Aleksandro forlasas la hejmon por iri al la stacidomo. Sur la strato inter la longaj domvicoj glitsaltas infanoj kaj veturas per sledetoj kaj faras la glitigan neĝon ankoraŭ pli glacieca kaj perfida. Aliaj venas el la arbaro kun kristnaskaj arbetoj sur sledetoj aŭ sur la ŝultroj. Tien kaj reen kuretas virinoj kaj knabinoj, jen kun ŝarĝo de paketoj el la butiko, jen kun akvositeloj de la puto, jen kun plenbrako da ligno el la lignejo.

Sed la kristnaska vigleco malmulte interesas Aleksandron. Momente li restas antaŭ sia pordo kaj ankoraŭfoje rigardas sian horloĝon. Poste li butonas la jakon ĝis la mentono, firme premas sian solidan bastonon kaj ekiras.

La vojo, polurita de plandoj kaj sledetoj, ne estas konvena por maljunaj kaj rigidaj kruroj. Atente kaj kun maljunula zorgego li metas siajn piedojn sur la plej sekurajn lokojn, dum li samtempe serĉas taŭgajn apogpunktojn por la bastono.

Post dudekminuta irado tra preskaŭ tuta Torento li atingas la stacidomon.

La trajno ankoraŭ ne alvenis, kaj la junuloj, kiuj pro manko de aliaj plezuroj aŭ pro manko de aliaj interesoj fidele atendas la alvenon de ĉiuj vagonaroj, ankoraŭ restas antaŭ la domo. Ili fumas, babilas kaj rigardas la preterpasantojn kun esploraj kaj pli malpli malicaj rigardoj, serĉante okazon por pika spritaĵo.

Antaŭ multaj jaroj ankaŭ Aleksandro apartenis al tiuj atendantoj. Verdire ili ne atendis ion, almenaŭ ne alvenantajn pasaĝerojn. La seninteresa kaj ĉiutageca vivo tedis ilin, kaj en liberaj horoj ia subkonscia sopiro igis ilin serĉi la akompanon de similuloj kaj lokojn de pli granda aktiveco. Tiel la stacidomo fariĝis ilia kutima renkontejo, same kiel en miloj da aliaj malgrandaj kaj negrandaj lokoj.

Nu, la vizitoj al la stacidomo ne estis tute senrezultaj, kvankam la valoro de la rezulto eble povus esti diskutebla. Iam li tie pli intime kontaktiĝis kun Vilhelma, kaj tio malplioftigis lian postenadon ĉe la stacidomo kaj post la edziĝo li tute ĉesigis la junulan kutimon.

La jaroj pasis, kaj iom post iom li komencis rigardi la vivon kaj la homojn kun la senaspira rigardo de maljuniĝanta homo. Kiam li okaze preterpasis la junulojn ĉe la stacidomo, li kelkafoje ekpensis pri sia propra juneco. Ŝajnis al li, ke li nun komprenas la aferojn de la vivo pli bone, ol kiam li mem staris tie. Tiuj junulaĉoj ne atendas ion, li pensis, tamen ili atendas ion. Ili atendas, ke la vivo donu ion aŭ alian favoraĵon al ili, kaj ĉar pli konvena loko ne estas trovebla, ili iras al la stacidomo por renkonti la feliĉon. Nu, bonŝanĉon. Iun tagon iu Vilhelma certe renkontos ankaŭ vin.

Aleksandro staras sur la perono, komparas la tempon de la stacia horloĝo kun tiu de sia propra kaj rigardetas al la apudstarantoj per malfortaj kaj preskaŭ senesprimaj okuloj. Li aspektas maljuna kaj kaduka, tamen li ankoraŭ konservas iom da certa digno kaj belteniĝo.

En siaj junaj jaroj li estis soldato ĉe ĉefurba regimento. Li estis bela viro kaj heroo de baloj kaj batalôj. Li zorge atentis pri sia teniĝo, plie pro propraj inklinoj ol pro la instrukcio. Nun li ne pensas plu pri tiaj vantaj aferoj, sed la iama soldato ne tute malaperis. Ankoraŭ lia dorso estas rekta kiel tiu de juna oficiro, ankoraŭ la blankaj lipharoj estas virece suprentorditaj, kaj ankoraŭ li povas iri belparade kiel antaŭ tridek jaroj. Sed la esprimo de fiero kaj junula vigleco antaŭ longe malaperis. El lia vizaĝo kaj liaj movoj parolas nur la trankvilo kaj humileco de la maljunaĝo.

Fine akra signalo tranĉas la aeron, kaj oni aŭdas la bruon de la alvenanta trajno. Post minuto ĝi haltas apud la stacio.

Lia vido ne estas bona, kaj tial li preferas resti tie, kie li estas, sed nur malmultaj eliras la vagonojn, kaj baldaŭ li ekvidas tiun, kiun li atendas kaj iras renkonte al ŝi. Ankaŭ ŝi rimarkis lin kaj jam de ioma distanco alvokas lin.

— Tien ĉi, paĉjo! Bone, ke vi venis, ĉar mi havas iom da pakaĵo.

Kaj kiam li estas apud ŝi kaj etendas la manon por saluti, ŝi daŭrigas:

— Bonan tagon, bonan tagon, mi ne povas preni vian manon, vi vidas ja, ke mi havas eĉ ne unu fingron libera. Jen miaj du valizoj, prenu ilin, kaj ni iru. Tiun ĉi pakaĵon vi verŝajne ne volas porti?

La lastan frazon ŝi ridparolas, sed en seka tono, kaj per la dekstra mano, kiu tenas malgrandan valizon, necesujon kaj revuon, ŝi faras geston al sia maldekstra brako, kie kuŝas infaneto, tute envolvita en lankovrilo.

Aleksandro ne respondas. Dum momento li rigardas la belvestitan knabinon, sed lia rigardo estas mal-

---

pasante, li rimarkis, ke estas maljunulino, malpurega, kun gluaj haroj falantaj kaj strioj de maljuneco kaj malpureco sur la vizaĝo. Ŝiaj vestoj estis nuraj ĉifonoj. Ŝi tenis en la manoj difektitan statueton de Sta. Johanino d' Arc el gipso; ŝi larme rigardadis ĝin, kaj ŝajne ne konsciis la mondon ĉirkaŭ si. Li kaptis la vortojn, »Bela Johanino, mia kompatinda Johanjo, vi kompatinda...« — kaj ŝi kisis la statueton.

Lia brusto premiĝis; estis io malmola en la gorĝo. Do, eĉ tia estaĵo, tia kompatindaĵo, povas kompati, trovas ion dorloteblan — tiu, kiu mem bezonas senfinan kompaton?

Li palpserĉis en la poŝo, kaj trovis tri frankojn; reiris kelkajn paŝojn kaj donis al ŝi la monon, zorgante ne tuŝi ŝian malpuregan manon. Ŝi nenion diris, sed rigardis lin per nevidemaj okuloj.

Pli malpeze li pluiris, marŝante rapide al la domo. Kiom, do, da mizeruloj estas: sen hejmo, sen fajro, sen manĝo, sen kunulo — sed ĉu sen kunulo? Tiu ĉifonaĵo ja havas sian Stan. Johaninon, duone diino, duone pupo, sed kunulo. Kaj la kompato en ŝia voĉo!

Li grimpis la ŝtupojn de la domo triope: tia ekzerco iom varmigas. Lia ĉambro ŝajnis eĉ pli malvarma ol la strato. Li rapide senvestigis sin, kaj enlitiĝis. Memorbildoj de la virino en la fela palto kaj la maljunulino en la ĉifonoj dancis en lia cerbo; kontraŭ sia kutimo, li ne povis legi. Li blovestingis la kandelon, kaj kuŝis rigardanta la mallumon.

junule laca kaj senviva. Poste li klinas sin, prenas la valizojn kaj ekiras antaŭ ŝi.

La junuloj rigardas ilin kun vigla kaj malica intereso. Ili ekflustras kaj ĵetas kelkajn vortojn post ilin, sed Aleksandro ne aŭdas, kion ili diras. Kiam ili venas al la alia flanko de la stacidomo, la filino subite haltigas lin.

— Ĉu vi estas freneza? Vi volas hejmeniri piede? Tion la ideto ne toleras, krome la valizoj estas pezaj.

— Sed kial ne? La valizoj ne estas tro pezaj por mi, kaj la infano estas bone envolvita. Cetere ne estas malvarme. Ni povos pli bone uzi la monon.

Sed ŝi ne atentas pri liaj kontraŭdiroj. Per mangesto ŝi alvokas aŭtiston, kaj post momento Aleksandro sidas apud ŝi en aŭtomobilo.

Kiam ŝi iom komfortigis al si la lokon sur la sidejo, ŝi tuj komencis babili.

— Ĉu vi povas imagi, mi preskaŭ preterveturis la stacion! Mi legis en tiu ĉi revuo, kaj la rakonto estis tiel interesa, ke mi tute ne atentis pri la stacioj. Nur en la lasta momento mi ekvidis, ke mi estas hejme. Urĝege mi devis pretigi min por eliro, kaj pasaĝero helpis min pri la valizoj.

Kun bonvola mieno ŝi montras la revuon al li.

— Ĉu vi ne legas tiun ĉi revuon hejme? »Veraj rakontoj el la vivo« estas la plej interesa legaĵo. Kelkafoje mi preskaŭ devas plori, kiam mi legas. Kaj la plej bona estas, ke tiuj rakontoj estas absolute veraj. Ili ne estas tiaj fantaziaĵoj kiel la romanoj de la veraj verkistoj.

Sed Aleksandro ne montras intereson por la revuo, kaj li eĉ ne respondas al ŝi. Ankaŭ ŝi eksilentas. Ŝia vizaĝo komencas esprimi maltrankviliĝon, kaj ŝajne ŝi hezitas pri la paroltemo.

— Sed patro, kial vi tiel persiste silentas? Ĉu vi koleras al mi? Mi ja estas tiel malfeliĉa, kaj mi ne povas helpi, ke... Diru do almenaŭ ke vi ne koleras al mi.

Aleksandro turnis la vizaĝon al ŝi, kaj velka rideto ludis sub liaj soldataj lipharoj.

— Ne, ne, knabino, mi ne estas kolera.

— Nu, do estas bone. Mi ja estis malsaĝa knabino, sed farita afero estas farita. Kaj certe vi komprenas. Mi memoras ankoraŭ viajn rakontojn pri via junaĝo kaj viaj tiamaj aventuroj. Do vi certe bone konas, kiaj estas la viroj.'

— Nu, nu, ni ne parolu pri tio nun, diras Aleksandro kaj ŝajnas vekiĝi el siaj pensoj. Ĉu vi scias, ke ankaŭ via fratino estas hejme? Ŝi venis hieraŭ. Ja ne nur ŝi, kompreneble, ankaŭ la edzo kaj infaneto.

— Kion vi diras? Mi tre ĝojas renkonti ilin! Ŝia venis ja preskaŭ samtempe kun la mia. Kvankam ŝi estis pli bonŝanca kaj povis edziniĝi. Mi preskaŭ devos honti, kiam mi renkontos ŝin. Mi venas ja sola, nur kun mia ideto. Kaj kiom longe ili restos hejme?

Aleksandro ree ŝajnis enpensiĝi, tamen li donis respondon.

— Ili ja venis por kristnaska vizito. Sed verŝajne dependas de la cirkonstancoj. Li ja estas senlabora, gajnas iom da mono per okaza fotografado, li vendas ankaŭ librojn kaj virinajn subvestojn. Sed certe tio ne donas multan monon. Nun li diras, ke Torento certe estos bona kampo por li. Kaj tial ili eble restos pli longe.

Li silentis momente. Poste la velka rideto ree ekludis sur liaj lipoj.

## La blanka kolombo

**— Raymond Schwartz —**
**Paris**

*Sed kial li sarkadas ĉiam en sterko.*
*(El iu recenzo)*

Ĉu estis sonĝo aŭ memtrompo?
Mi kuŝis meze de narcisoj
Kaj interŝanĝis kun kolombo
Naivajn pensojn kontraŭ kisoj.

Kontakte kun la pluma frato
Mi povis jam min improvizi
Kantisto pura de l' beato,
Francisko II-a de Asizi.

Beata, kiu migras blinda
Sur la damnita mondinsulo,
Duoble ŝajnas viv' vivinda
Al simplanima narcisulo!

Ho bela estas al okulo
De l' blanka birdo nia tero;
En ĉiu part' de molekulo
Miraklo pulsas aŭ mistero.

Kaj kulturante la mistikon
Pri la tutmonda harmonio
Mi himne kantis amkantikon
kaj vidis pekon en nenio:

Ĉu ĵaluzulo? — Li modestas.
Ĉu avarul'? — Ŝparema tipo.
Kaj kolerulo simple estas
En Dia mano forta vipo.

Knabinoj de sekretaj stratoj,
Vi portas la Venusan mirton;
Samariane al homfratoj
Vi podetale cedas virton!

Kaj dum persiste mi konstatis
Nur bildoflankon de l' medalo
La homoj moke min kompatis:
»Jen l' idioto de l' kvartalo!«

. . . . . . . . . . . . .

Mi ne plu flugos birdodigne
Tra nerealaj paradizoj,
Ĉar la kolombon mi rezigne
Konsumis kun printempaj pizoj...

— Vi ja komprenas, knabino, ke ni ne havas tre komforte, kaj ke ne estos tiel bone, kiel oni povus deziri. Mi estas jam maljuna, kaj mia salajro estas malgranda. Cetere ofte mankas laboro, estas ja tia tempo. Kaj viaj fratoj havas laboron nur tri tagojn posemajne. Vi komprenas...

En la hejmo — kuirejo kaj unu negranda ĉambro — regis vigla vivo. La maljunulino staris apud la forno, gardante la kafpoton kaj samtempe elverŝante senĉesan fluon da konsiloj pri infanzorgado al la juna edzino, kiu provis trankviligi sian kriantan infanon. La tri filoj de Aleksandro sidis sur la sofo,

# El la notlibro de praktika esperantisto

— K. R. C. Sturmer, London —

*Malsato de niaj originalaj verkistoj.* Estas sufiĉe klare, ŝajnas al mi, ke niaj originalaj verkistoj devos dum longa tempo malsati rilate al la enspezo el sia verkado. Kial? Estas simpla afero. En nacia lingvo oni povas gajni monon per du fakoj en la verkado: aŭ oni povas verki popularajn librojn por granda popolo, en distra humoro, aŭ oni povas imponi per elstaranta talento, tiel ke multaj personoj legas viajn verkojn pro scivolemo aŭ kultura snobismo. Neniu mallaŭdu la snobismon, kiu havas grandan utilon; estas tamen fakto, laŭ mia opinio, ke por ĉiu leganto de Bernard Shaw, Thomas Mann, aŭ Andre Gide, kiu havas veran aprezkapablon, troviĝas ses legantoj kiuj legas ilin nur tial, ke iliaj amikoj parolis pri ĝi, ke la gazetoj raportas pri ĝi, ke ili ricevos per ĝi la povon diskuti pri ĝi en sia propra rondo. Do, fakte, amaso da personoj, nekapablaj aprezi Thomas Mann, tamen kiel aĉetantoj enspezigas al li monon kaj ebligas, ke li povu daŭre verki por la kelkaj, kiuj vere aprezas lin.

Sed en nia Esperanta kulturo tiu snobismo tute mankas, kaj mankos dum longa tempo. Neniu aĉetas verkon de Kalocsay por povi paroli pri ĝi en sia rondo, neniu aĉetas novelaron de Baghy, ĉar oni atendas, ke informita homo konas almenaŭ iome la verkojn de la hungara verkisto. Ne, kiu aĉetas verkon de Kalocsay aŭ Baghy en la nuna tempo, tiu estas sincera literaturamanto, leganta por propra plezuro, scianta, ke li povos paroli pri la verko nek en sia Esperantista rondo, nek en sia ĉiutaga medio. Kaj la pordistraj romanoj de Jean Forge, kie troviĝas ilia popolo?

La snobismo helpas al niaj tradukoj — oni povas fanfaroni al siaj amikoj, ke oni legis *En Okcidento Nenio Nova* ankaŭ en internacia lingvo.

*

*La verkisto kaj la mondpolitiko.* Interesa intervjuo en la franca literatura gazeto »Nouvelles Littéraires«, kun la Eŭropa verkisto Stefan Zweig. Oni diskutas pri la rolo de la verkisto en nia hodiaŭa mondo. Lefevre skribas: »En ĉiuj landoj, tiom en Francujo, kiom en aliaj landoj, ni havis en la pasinta jardeko postmilita literaturon de egoismo kaj sinekzamenado, literaturon depriman kaj malsanan kie oni trovas nenion el la profundaj sentoj de la homamaso... en ĉiu el tiaj libroj oni kunestas *krizon individuan*, oni ne sentas la mondan krizon.«

Pensigaj vortoj por niaj verkistoj de Esperanto. Mi povas pretendi, ke en *Por Recenzo!* mi ne montris mankon de atento al la aferoj de la mondo; sed tian mankon oni eble povus defendi — ĝin defendus iu nuntempa verkisto de Esperanto, kiu ŝajne plej ekskluzive havas intereson nur pri la individuo, kvankam fakte troviĝas malmulte da personoj havantaj tiom fortan intereson, kiom li pri mondaj aferoj. Oni povas certe subteni la vidpunkton, ke la literaturo devus okupiĝi nur pri la individuo, ke sur tiu kampo ĝi povas plej utili.

Mi evitas la temon, ĉu literaturo ia ajn utilas, ĉar tio nin kondukus al la demando, ĉu homa penado ia ajn utilas.

Zweig mem pledas por »aktivismo« de la hodiaŭaj verkistoj, sed ne por la politika aktivismo. Li prave skribas, ke oni povas politiki en du manieroj, kaj ke la unua, tiu de la profesia politikisto, kiun praktikas la diplomatoj kaj ŝtatministerioj, estas fakte neebla al la krea artisto, ĝi prenus tutan lian forton; sed la netaŭgeco de la krea artisto al la politiko de l' kulisoj ne malhelpas al li preni parton en la politiko, kiu konsistas en la klerigo de la homaj ideoj kaj konceptoj.

»Kiel homo de agoj, li eble malsuperas«, skribas Zweig, »kiel homo de la intelekto li ĉiam konservos sian rangon.« Zweig plue atakas la specialistojn de financo kaj ekonomio kiuj fuŝis la aferojn de la mondo, kaj la ankoraŭ popularan ideon, ke verkistoj estas homoj revemaj kaj naivaj. »Nur kelkaj junaj fraŭlinoj konservas tian ideon. Ne ekzistas granda verkisto sen granda inteligento — ĉu Wells, ambasadoro de la angla penso, ne komprenas la mondpolitikon pli bone ol la ambasadoro angla en Tokio?... la romanisto kiu estas denaska realigisto, kiu estas dotita per la povo konstrua, ĉu li subite iĝos seninteligenta, senpova, antaŭ la realeco?« Kaj Zweig aldone citas el Valéry; »La Eŭropa penso ĉiam superis la Eŭropan politikon.«

Mi plene konsentas, ke verkistoj estas escepte inteligentaj kaj ke registaro el ili estus kredeble pli inteligenta en mondpolitiko ol niaj ĝisnunaj registaroj; sed tia registaro neniam povus veni nature. Por iĝi granda verkisto oni devas havi ian »sincerecon« — mi uzas la vorton ĉar mi ne konas pli bonan por mia celo, kvankam fakte la vorto estas tre diskutinda — ian sincerecon kiu *en sia naturo* estas nepra baro al kariero en la ordinara politiko de ministroj kaj diplomatoj. Tion mi diras, kvankam mi kredas, ke kariero de ministro, kune kun ĝia necesa »nesincereco«, estas ne malpli honorinda ol tiu de granda verkisto.

Do, tial ke ne estas supozeble ke la verkistoj perforte prenos la forton sur tiu kampo, restas por ili nur tiu dua politiko de klerigo. Kaj jen la demando: ĉu ili havas la devon tiel okupi sin?

El niaj verkistoj de Esperanto ŝajnas ke nur Baghy eble jese respondus. Mi mem sentis min devigata en la animo esprimi tre profundan konvinkon pri »plej granda krimo en la nuna mondo«: sed estonte mi volus silenti: bedaŭrinde, mi eble ne povos.

---

fumis cigaredojn kaj aŭskultis elokventan prisocian paroladon de sia bofrato kaj la muzikon de la unuaklasa gramofono, kiun li ĵus aĉetis kaj nun demonstraciis al ili, samtempe kun la parolo.

Kaj ankoraŭ pli granda fariĝis la bruo, kiam Aleksandro kaj la ĵus veninta filino aliĝis al la societo. La ĉambro estis plena de la zumado de demandoj kaj respondoj, mirkrioj kaj erupcioj de la pli molaj sentoj en la virinaj koroj, kaj la plej novaj miaŭaj kantoj el Ameriko preskaŭ dronis en la tumulto.

Kiam la kafo estis trinkita, la junaj virinoj komencis esplori kaj kompari la infanojn unu de la alia, la junuloj bruligis novajn cigaredojn, kaj la juna edzo ree ekokupis sin pli serioze pri la gramofono kaj la sociaj problemoj.

— Jen, bopatro! Jen estas alia disko! Tiu moderna muziko eble ne tre plaĉas al vi. Sed jen estas io speciale por vi! »Marŝo de la Unua Reĝa Regimento«! Mi aŭdis, ke vi iam servis tie. Do, bopatro, ni revoku la tempojn pasintajn.

Sed Aleksandro jam ekstaris kaj prenis sian ĉapelon. Li skuis la kapon kaj respondis:

— Mi devas iri por haki lignon. Ni bezonas brulaĵon por la festotagoj.

*Obscenhumuro.* Mi estas edukita en medio nepruda sed kiu tamen forte tenis sin al principoj enhavantaj idealigon de la ĉasteco kaj la menspureco, kaj malŝaton al la obsceno ; ĝis la aĝo dudek-du mi restis en tiu ideologio ; al ĝi mi ŝuldas multege da belo.

Hodiaŭ, preskaŭ dudek-naŭjara, mi komplete ŝanĝiĝis : ŝajnas al mi ke la obsceno similas al la alkoholo ; spite multajn esceptojn, mi trovas ĝenerale ke la plej simpatiaj homoj, la plej bonkoraj kaj admirindaj homoj, modere sin servas per ĝi, el bona kvalito kaj en ĝusta kvanto. Mi trovis pli da mensa malsaneco inter pruduloj ol inter obscenuloj, (taksante min nek unu, nek la alia) kaj kvankam en la teorio mi ankoraŭ admiras tiun, kiu estas malnaiva kaj tamen malŝatas la obscenon, en la praktiko mi tro ofte trovas ke li estas homo »psiĥe malsana. Ofte mi havis sub mia influo proletajn knabojn de tre inteligenta kaj simpatia speco, kaj se en aĝo dek kvin ili montris emon al obsceno, mi dubis pri ilia mensa saneco : se en aĝo dek ok ili ankoraŭ ne montris iomete tian emon, se ilian menson ankoraŭ plenigis malkaraj romanoj pri detektivoj kaj vojaĝoj al la luno per mirindaj kaj strangaj aparatoj — tiam mi estis absolute certa pri ilia malsaneco mensa, kaj tro ofte mia timo pruviĝis per seriozaj simptomoj.

Mi konfesu, ke al mi persone naŭzas ĉia bilda obsceno, kaj mi defendas nur la parolan k. literaturan sferon.

Mi konfesu ke la latinan sintenon al la virino mi generale trovas naŭza ; sed mi dubas ĉu virinoj en mia lando, havante pli da respekto, havas pli da feliĉo, ĉu la knabinoj en mondo de »Al Torento« estas pli feliĉaj ol knabinoj en mondo de »Verdkata Testamento«, kaj kredeble mia naŭzo estas restaĵo el falsa ideologio kiun sep jaroj de praktika vivo elbatis el mi iom post iom. La »respekto« por la virino ankoraŭ multe predikata en Britujo hodiaŭ estas tro ofte senvalora respekto por ŝia korpo kiun akompanas nenia vera respekto por ŝia animo.

*

*Kompreno.* Ekzistas tro multe da ĝi. La popolo mortigas kaj ŝtonbatas iun artiston nur kiam ĝi komprenas lin : ĝis tiam li vivas sekure. Ĉiuj malpacoj inter geamikoj okazis pro troa kompreno. La granda plinombriĝo de eksedziĝoj kaj eksedziniĝoj okazas pro la pligrandiĝo de la interkompreno. Estas bone, ke nia civilizo forpasos en la manojn de barbaroj : barbaroj ne havas grandan komprenon, kaj sufiĉe bone eltenas la vivon.

*

*Chastity and Purity.* La unua el tiuj vortoj estas bone tradukebla en Esperanton, sed mi neniam trovis kontentigan tradukon por la lasta. Mi kredas, ke en Esperanto ĝi ne ekzistas, ĉar ke la koncepto pri »purity« estas, se ne ekskluzive brita, certe propra al la nordaj rasoj.

Mian aserton mi bazas sur sama kredo kiel mi bazis mian aserton ke »Al Torento« de Stellan Engholm ne povus veni el la plumo de verkisto slava aŭ latinida, kvankam mi nun kredas ke eble ĝin povus esti verkinta hungaro — juĝante laŭ simileco en multaj rilatoj al angla ideologio de la verko de Babits, »La Cikoni-Kalifo« kaj ankaŭ kelkrilate de »Printempo en la Aŭtuno«.

La fakto restas, ke ankoraŭ hodiaŭ en Britujo idealoj pri ĉasteco kaj mensa pureco ne perdis sian influon, kiu estas rimarkebla ofte eĉ ĉe tiuj, kiuj ne tenas sin al tiaj idealoj. Ili ankoraŭ influas min, kiu venis intelekte al la konkludo, ke la ĉasteco kaj la »menspureco« estas spiritaj idoloj. Mi kredas, ke en pli sudaj landoj ili ne multe influas, ke en aliaj landoj oni komprenas naivecon, kaj

# Kanto de

*Tempo di marcia, allegro.*

K.

La polv' sur mia plando :
Jen estas mia lando.
Kaj lito mia : ĉies ter',
Kovrilo mia : la vesper'.
Birdar' al mi deĵoras
Per amuzanta ĥor',
La nuboj min priploras,
Se tuŝas min dolor',
Hej, hola ! Kia granda ĝoj' :
Facila vag' sur landa voj' !

Mi vagas preterfluge,
Sencele kaj senjuge,
Kaj al knabino, al amik'
Neniam ligu min radik' !
Radiko ja profunde
Penetras en la ter'
Kaj ĝi ŝiriĝos vunde.
Ni ŝparu pri l' sufer' !
Hej, hola ! Kia granda ĝoj' :
Ensola vag' sur landa voj' !

En blu' de malproksimo
Sin banas la animo,
Dum inter prema ĉambra lim'
La koron kovras ranca ŝim'.
Filistro-invalido



# Vagabondo

**Kalocsay**

Do putru en la niĉ' !
Mi saltas el la sido
Kriante pro l' feliĉ,
Se vokas min por granda ĝoj',
Por nova vag' la landa voj'.

Ĉu lumas sort', ĉu nigras,
Mi prifajfante migras.
Kaj kiam kontraŭ la stomak'
Malsato venas por atak' :
Dum la stomak' eksonas
Grumblante, kun riproĉ',
Mi primon fajfe donas
Al ĝia basa voĉ'.
Hej, hola, kia granda ĝoj',
Eĉ la malsat' sur landa voj' !

Kaj se pleniĝis listo,
Kaj venos la Falĉisto :
Post mi edzino kaj infan'
Ne ploros orfe kaj sen pan' :
Mi falos en la neĝo :
Adiaŭ, bela vag' !
Kaj la primorta preĝo
Nur estos korva grak'.
Anoncos poste hunda boj'
Kadavron sur la landa voj'.

komprenas maturecon, sed ne komprenas la koncepton, ke iu povas esti malnaiva kaj tamen eviti senafekte, pro principo, la mensan kaj materian mondon spegulitan en la libroj de Raymond Schwartz. Sed fakte mi konis junulojn kiuj neniel estis naivaj nek pruduloj, kiujn vere naŭzis la verkoj de Schwartz. Nur kelkajn tamen.

*

*»Ĉapelino«, »gebanado«.* Knaba lernanto mia antaŭ kelka tempo volis uzi la formon »ĉapelino«, kaj mi informis lin ke tion oni ne povas diri, ke »in« povas aplikiĝi nur al vivanta estaĵo, kaj tiel plu. Tamen antaŭ kelkaj tagoj s-ro M. C. Butler tute propravole parolis al mi pri tiaj vortoj, »ĉapelino«, »ĉemizino«, sugestante ke en parolo ili estas pravigeblaj de kelkaj vidpunktoj. Diablo, jes ! Kial ne ? Almenaŭ mi provos ilin.

Unu el la malmultaj plezuroj de originala verkisto estas la konscio ke li povas influi lingvon kontrolatan en la teorio de Lingva Komitato kaj lernolibroj. Ĉiam ĝis nun oni laŭdis mian verketaron pro la manko de neologismoj kaj novaj formoj, kaj mi sentas min tiom pli rajtigita iom eksperimenti. Mia konservativismo devenas ne tiom de konservativemo, kiom de manko en mia prilingva intereso ; por mi Esperanto estas lingvo por esprimi min kaj mian pensaron, kaj mi uzas ĝin en la formo ekzistanta. Tamen kelkfoje venas al mi la ideo ke ekzemple »knabino« estas multe pli bela ol »fraŭlino« kiel sendependa vorto, kaj ke la duobla senco de la vorto »respond« estas sensenca ; same nun venas la ideo, ke mi eksperimentos pri »ŝtrumpino« kaj »ŝuino«. Sed neniam mi influos nian lingvon kiel iu Baghy aŭ Kalocsay.

*

*»Etoso«.* En eseo en mia kurso s-ro J. F. O' Conor, kiu neniam legis mian difinon pri la vorto en *Por Recenzo !* skribis pri la »etoso« de iu libro. Kvankam mi persone limigis la vorton por signifi la animon de iu loko, ŝajnas ke oni povus bone etendi ĝin, kvazaŭ por la germana »Stimmung«. Oni povus paroli pri la paca etoso de la familio Brown, aŭ la malameca, envieca etoso en sia propra oficejo.

Multe vojaĝis angla vorto uzita proprasignife de katolika pastro kaj transdonita al mi pere de sinjoro Sullivan !

*

*Belo kaj Intelekto.* Lastan nokton mi babilis ekster la Popola Universitato kun iu alia el al instruistoj, kiam subite knabino venis el la pordo kaj eniris luksan aŭtomobilon kiu tuj forkondukis ŝin.

»Diablo !« diris mia kunparolanto, ŝerce. »Jen du instruistoj kiuj pretiĝas al marŝado, kaj jen iu suboficistino ekveturas per luksa aŭtomobilo !«

»Vidu, do, mi redonis,» ekzemplon de la graveco de l' belo super la graveco de l' intelekto !« Ni ambaŭ ridis.

*

*»Ĉu Katino ?«.* Hieraŭ iu ano de la burĝa, sportamanta, lukskluba klaso asertis al mi ke la funda diferenco inter la seksoj restas tio, ke ĉiu virino entenas la kapablon esti katinece malica, kaj multaj viroj ne. Ŝajnas al mi, ke tiel ne estas ; sed povas esti, ke mi vivis en mondo de escepte katinecaj viroj.

*

*»Internacia Frateco.«* Guste kion oni celas per la frazo ? Jam de longe mi havis scivolemon pri tio. Ĉu ĝiaj uzantoj volas vidi inter la nacioj tian rilataron, kia kutime ekzistas inter fratoj ? Apenaŭ ili povus esti tiom grandaj malamikoj de la tutmonda paco !

# La vizito de Horaĉo Serĉer

— J. Lejzerowicz, Lózd —

Lastan dimanĉon neatendite vizitis min sinjoro.

— Mia nomo estas Horaĉo Serĉer — prezentis sin al mi la gasto kaj ne demandante, ĉu mi estas libera, li sidiĝis kaj ekparolis :

— Kiel vi vidas (li montris siajn grizetiĝantajn harojn), mi estas maljuna kaj malnova esperantisto . . .

— Do — mi interrompis — vi povas paroli kun mi esperante . . .

— Nu, mi estas verdire malnova esperantisto, sed mi ne parolas esperante. Vi scias ja, sinjoro, la ĉiutagaj devoj kaj zorgoj. Laboro, laboro, laboro. Neniam oni havas tempon por lerni nian sanktan lingvon. Kvankam tio estus por mi tre facila afero. Mi parolas germane, pole, france, ruse kaj angle. Krome mi legas kaj komprenas italan, hispanan kaj ĉehan. Iam mi ankaŭ »flaris« la hungaran, sed ne ellernis ĝin. Sed neniun lingvon mi tiel flame ekamis kiel la esperantan. Ĝi estas belega lingvo, genia kreaĵo ! Kaj tiel simpla, tiel facila ! Sed ve, la tempo neniam permesas al mi bone ellerni ĝin. Mi ĝin bonege komprenas, sed ne parolas. Vi komprenas : mi ne ekzercas, ne konversacias. Sed mi legas. Mi abonas Heroldon, Literaturan Mondon kaj estas membro-abonanto de UEA.

Mi deziris interrompi, sed s-ro Serĉer faris mangeston, kvazaŭ volante diri, ke li tuj finos, kaj li daŭrigis :

— Do kiel vi vidas, mi estas malnova esperantisto. Iam, antaŭ dudek jaroj mi multon faris por Esperanto. Mi estis konata tra la tuta mondo, eminentulo. Se vi foje vizitos la Esperanto-societon en Porkinsk, vi vidos tie mian portreton pendanta en la kancelario. Mi tie estis prezidanto, gvidis multajn kursojn kaj varbis por Esperanto eĉ du profesorojn de la tiea universitato. Sed en la movado oni forgesis min. Kiel kutime. Mi ne postulas laŭdon, nek rekonon. Gardu Dio! Mi laboris kaj ankoraŭ nun laboras por ideo kaj idea laboro ne havas prezon.

Denove mi deziris demandi, kia estas la celo de lia vizito, sed denove la gasto faris tiun mangeston kaj daŭrigis :

— Tuj mi finos, sinjoro. Kvankam mi estas jam, kiel vi vidas, malnova esperantisto, mi tamen restas ankoraŭ plena de entuziasmo por nia alta ideo. Ah ! mi tute ne povas kompreni niajn nunajn junajn esperantistojn. Por ili Esperanto estas klara, memkomprenebla afero. Ili venas nun al nia movado kaj ne imagas, kiamaniere ĝi fariĝis. Mi, kiu memoras la unuajn jarojn de nia afero, mi entuziasmiĝas ankoraŭ pli kaj infane kortuŝiĝas, vidante kiel grandan vojon ni jam estas farintaj. Sed ili, la junaj, neniam estas kontentaj : jen tio, jen tio ĉi ne plaĉas al ili. Kaj ili havas plej strangajn projektojn. Hallo ! — mi ĉiam pensas en mia koro — karaj infanoj, havu paciencon, ne rapidu. Ankaŭ Romo ne konstruiĝis en unu tago. Niaj eminentuloj jam zorgas pri tio, fidu al ili. Kaj por vi sufiĉas fari tion, kion ili sugestas al vi. Mi mem jam dum multaj jaroj cerbumas, kiel trovi radikalan rimedon, kiu rapide kondukus nin al la celo, sed tio ne estas tiel facila afero. Revizionismo, parlamentaj kongresoj — ĉio-ĉi estas naivaj ideoj. Kion vi volas ? Ĉu la ĝisnuna agadmaniero estas malbona ? Vidu, jam 45 jarojn ni aplikas ĝin, ĉu do la rezultoj estas nekontentigaj ?

Li interrompis por momento, ekspiris profunde, kaj plue parolis :

— La venko de Esperanto dependas nur de la amasoj. Ni devas penetri en la popolon. Kiel mi diris, mi jam de multaj jaroj meditas kaj cerbumas pri tio, kiamaniere trovi la vojon por rimarkinde kreskigi la nombron de nia anaro. Mi analizis plej diversajn, multegajn rimedojn, kaj preskaŭ jam volis rezigni, kiam neatendite en mia cerbo eklumis genia ideo dank al la lasta bulteno de la Pariza organiza komitato.

Li alŝovis sian seĝon pli proksimen al mi, dismetis siajn manojn sur la tablon, kaj kun pli laŭta voĉo ekparolis :

— Sinjoro, ĉu vi legis la lastan numeron de la Ĝeneva Esperanto ? Ne ? Vi ne legis ĝin ? Do tuj prenu ĝin kaj tralegu la bultenon de la Pariza organiza komitato !

Li elpoŝigis la gazeton, metante ĝin antaŭ miajn okulojn.

— Legu — li kun ekscito parolis. Jen, legu : »Komisiono por rilatoj kun kongresaninoj«. Kaj rekaptante la gazeton, svingante ĝin en la mano, li kriis nerve :

— Sinjoro ! Nun la problemo estas solvita ! Nun nia venko estas certigita ! Mi gratulas al vi !

Kun stranga, mistera flamo ekbrilis la okuloj de mia gasto. Mia edzino, kiu troviĝis en la apuda ĉambro, terurita per la krio de s-ro Serĉer, enkuris kaj pala de timo demandis : kio okazis ?

La gasto rapidpaŝe proksimiĝis al mia edzino, kaptis ŝian manon en la sian kaj svingante la gazeton alte en la alia mano, li kriis :

— Sinjorino ! Fine ni venkis ! Post kvardek kvin jaroj de senlaca laborado fine estas trovita la genia rimedo, kiu trudos nian lingvon al la tuta homaro !

— Eble nenormala ? — flustris al mi mia edzino.

— Ne timu, sinjorino — respondis s-o Serĉer — mi estas tute sana kaj tuj mi detale ĉion al vi klarigos.

Triope ni sidiĝis al la tablo kaj s-o Serĉer komencis.

— Profunda saĝo ŝprucas el la proverbo : ni viroj regas la mondon, sed la virinoj regas nin. Ni esperantistoj neniam atentis la grandiozan potencon, kiun kaŝas en si la virinaro. Nur la pariza komitato konceptis



*Berlevi*: *Knabino.*

tion. En Parizo oni zorgos dum la kongreso pri bonaj, interesaj kaj agrablaj rilatoj kun la kongresaninoj. Oni klopodos, ke ĉiu verdstelulino trovu tie sian destinon kaj destiniton. Mi proponas eĉ starigi tie specialan dumkongresan svatoficejon. Tiamaniere neniu ŝanco perdiĝos. Kaj la ago de la Pariza komitato devas fariĝi devizo por la tutmonda esperantistaro. Ĉiu esperantisto antaŭ la edziĝo prezentas al sia fianĉino unu kondiĉon : ŝi devas ellerni esperanton, sen tio li ne edziĝos. Same ĉiu esperantisto jam edziĝinta prezentas la saman kondiĉon al sia edzino. Imagu, kio sekvos el tio : ĉiuj fraŭlinoj el la tuta mondo rapide lernos esperanton. Ĉiu volos tiamaniere trovi la destinon de sia koro kaj vivo. En niaj kongresoj la komisionoj por rilatoj kun la kongresaninoj estos inundataj de laboro. Mi eĉ proponas, ke la paroj, kiujn kunigos tiu komisiono, festu s'an geedziĝon dum la kongreso. Tiamaniere ni kontribuos ankoraŭ unu gravan solenon al niaj universalaj kongresoj. Ni almilitos tiamaniere la tutan mondon : ĉiuj fraŭlinoj lernos Esperanton, ĉiu patrino sendos sian filinon al niaj kursoj. Kaj niaj kongresoj? Sinjoro! dekmiloj da fraŭlinoj flugos al niaj kongresoj. Kaj vi scias ja, kie estas knabinoj, ne mankos junuloj. En daŭro de 2—3 jaroj la tuta mondo estos esperantigita.

Li ekspiris profunde kaj daŭrigis :

— Ĉu vi ankoraŭ dubas nun, ke la pariza komitato kaptis la genian ideon? Sinjoro, vi skribas ja en la gazetoj, do publikigu ĉi tiun aferon kaj insistu petu, ke ĉiu esperantisto kaj societo senprokraste sendu gratulon al Parizo. Nun komenciĝas nova epoko en Esperantujo! Ni venkis, fine ni venkis!!

Li finis. Ŝvitogutoj aperis sur lia frunto kaj la misteraj fajreroj plue brilis en liaj okuloj.

— Sinjoro Serĉer, mi turnis min al li, ĉu vi havas edzinon?

— Jes.

— Kion do via edzino opinias pri tiu genia ideo?

— Ho, ŝi ĉiam asertas, ke ŝi perdas la prudenton pro *mia* esperanto, ke ŝi estas jam komplete freneza — diris s-o Serĉer kvazaŭ hontetante.

— Kaj ĉu vi jam provis prezenti al ŝi kondiĉon, ke ŝi lernu Esperanton?

— Jes. Mi provis.

— Kaj?

— *Tiel freneza* mi ankoraŭ ne estas — ŝi respondis al mi.

# MIA ANGULO

**— JULIO BAGHY —**

Iam mi pensis, ke la virino akre diferencas de la viro. Precize jam mi ne rememoras pri la bildo, kiun mia fantazio pentris pri ŝi sur la streĉitan blankan tolon de mia animo. Nur tion mi scias, ke mi zorge elektis la plej delikatajn kolorojn kaj la preta bildo ornamis la altaron de mia koro. En sufoka incensfumo de la unua amo vagadis mi kaj miaj lipoj psalmopie ripetadis : Virino, reĝino de la Vivo, en vi enkorpiĝis ĉio bela kaj nobla. Vi surtere forgesita rideto de la Kreinto, dispersu la ĉielan lumon, donitan al vi. Virino, kristala pokalo de la Bono, verŝiĝu el vi la mildigo de suferoj!... Ho, mia bildo sklavigis mian animon, sed foje... foje subita printempa pluvo forlavis la bildon kaj kun terurstreĉitaj okuloj mi rigardis la — nuran tolon. Nur grize malpura tolo restis kaj la templo de mia sino ne havis plu altarbildon.

Mi elektis novajn kolorojn. La peniko de la fantazio, inspirita de la seniluziiĝo, aperigis inan monstron. La reĝino de la Vivo fariĝis ĉiesulino de la naturo. Sur ŝiaj trajtoj vibris la monaĥine vestita voluptemo kaj sur ŝiaj lipoj flirtadis alloga promeso de diablo. Ŝia figuro prezentis la orumitan sojlon de la infero... Ho, mia bildo teruris min, sed mia animo ebrie jubilis pro sintortura venĝemo ĝis... ĝis foje neatendita somermeza tempesto forlavis la tutan bildon kaj mi rigardis denove nur la tolon, la makulitan tolon.

Mi rekonsciiĝis pri mia maljusteco. Perlarme mi purigis la tolon blanka, neĝpure blanka por pentri novan bildon, por aperigi la veran portreton de la virino. Mia animo, saturita de la plej noblaj sentoj kaj inspirita de profunda kompreno, kreis novan bildon, pompe riĉan en koloroj. En la trajtoj mankis ĉio reĝina, ĉio ĉiesulina. Ŝia rigardo respegulis harmonian egalecon. Nur korpe ŝi montris diferencon de la viro. Miraklofara bildo, inda por la altaro de la vira koro, ĝi fariĝis. Ĉiutage mi pilgrimis al ĝi. Ŝia rideto, plena de pardona komprenemo, alportis nutran sukon el la fonto de inspiro. El ŝiaj delikataj fingroj radiis patrina boneco, ŝiaj manoj fratingeste etendiĝis al mi por helpi en la laboro, por forviŝi la larmojn de suferoj kaj ŝiaj blankaj brusto kaj brakoj promesis kunulinan sinforgeson kaj... kaj foje aŭtuna nebulo ekkuŝis sur la bildon. La zorge metitaj koloroj kunfluis, la farboj degutadis de sur la bildo kaj antaŭ mi staris en ora kadro la — malplena, malpura tolo.

La pento pri mia naiveco, pri ĉio, kio pasis kaj la kortaŭza ĉagreno inspiris min je nova pentrado de la virino. Mi elektis krudajn kolorojn por aperigi ŝin kiel malamikon de la viro. La nova kreaĵo ne montris plu mildecon, nek komprenemon. La gesto de la manoj, la sinpropona pozo elokventis pri la enkorpiĝinta hipokriteco, sed en la trajtoj de ŝia vizaĝo mi rekonis ne kunulinon, destinitan por helpo, nur konkurantinon en la batalo por venki kaj ĉiam venki per kiu ajn rimedo, per kiu ajn armilo. La bildo montris ŝin tia, kiu aspiras ne egalecon, sed superecon; ne harmonian kunvivadon, sed absolutisman regadon. Kiel timiga vizio pri la fora kaj morna estonteco reliefiĝis la nova figuro de la virino : la enkorpiĝinta egoismo... Mi metis ĝin sur la altaron ne por adori ŝin, sed por teni ŝin antaŭ mia rigardo kaj por konstante nutri mian malkonfidon kaj... kaj iun tagon la vintro ŝtelis sin en mian animon. Silente ekneĝis. Blankaj lanugoj kovris la tutan bildon kaj mi forgesis pri ŝi, pri la malamo, pri la larmbanitaj suferoj, pri la kotmakulitaj revoj. Indiferenteco ekĝermis en mi. Dum la animmuela meditado pri la vivo la degelanta neĝo forlavis la bildon kaj subite mia rigardo renkontis denove nur la — malplenan tolon.

Mi ekridis kaj ridis kiel saĝperdinto. Kia kaj kio estas vere la virino? Ĉu ŝi estas eterna ŝanĝiĝanta bildo, kiun la vira animo pentras per efemeraj koloroj ĉiam sur la saman tolon aŭ ŝi estas la malplena tolo, mem, kiu bezonas kolorojn kaj artistan penikon por havi almenaŭ momentan valoron? ...Mi ne scias. Mi perdis la emon pentri novan bildon pri ŝi. Sur mia paletro la farboj nedistingeble miksiĝis. Nur terkolorajn nuancojn mi trovas sur ĝi. Kion fari? Estus plej bone trapiki la tolon per la peniko kaj pendigi sur ĝin la paletron mem. Ĝi almenaŭ montrus tion, kio vere ekzistas : la ĥaoson pri la virino... Jes, estus plej bone lasi ĉion, sed... sed la tolo estas malplena, la peniko de la fantazio vole-nevole eklaboras kaj metas la nuancojn de la grizo unu apud la alian. Ĉu iam la nova bildo definitive siluetiĝos sub la peniko? Mi ne scias kaj mi ne kredas... Eterna pentrado.





# KINO

**Redaktas: Jean Forge-Fethke**

## LA FILMMANUSKRIPTO

Ne estas ia dubo pri tio, ke la optika flanko de la filmo restas ĝia ĉefa elemento, ke la parolo kaj sono estas apudaj akcesoraĵoj — tamen jam intime ligitaj kun la moviĝanta bildo.

La parolata vorto, la dialogo hodiaŭ estas adaptata en preskaŭ ĉiu filmo, alproksimigante ĝin al la formo de l' teatro. Ankoraŭ ekzistas plej ofte disonancoj, strangaj malakordoj, kiujn kreas la parolo. Ĉar la dialogo ĝenerale estas la malamiko kaj malhelpanto de l' agada rapideco, ĝi ne permesas sufiĉe la rapidan ŝanĝiĝon de la scenoj — kaj jen estas la tasko de la filmverkisto saĝe kaj sprite interplekti la parolon kun la sceno. La dialogo neniam haltigu la agadon, sed kontraŭe estu elemento antaŭenpuŝanta. La dialogo devas esti fiksata precize en la filmmanuskripto antaŭ ol la reĝisoro kun sia stabo eniras la filmlaborejon. Same la alilingvaj variantoj devas esti fiksataj antaŭe, por kio necesas lingvaj spertuloj, kiuj ellaboras la tekstojn kaj ŝanĝas tiun aŭ alian parton, kiu ne respondas al la idearo de la koncerna lando.

Simile la kanto ludas tre gravan rolon en la filmo, precipe en la filmoperetoj kaj komedioj. La komponistoj de la »sezonaj danckantoj« startigas siajn melodiojn pere de la sonantaj filmoj, kiuj popularigas tiujn »danckantojn« tra la tuta mondo. La eldonejoj de muziknotoj same profitas de tio kaj precipe la gramofondiska industrio pli ekfloris sekve de la sonanta filmo, kies melodioj incitas la publikon al aĉeto de la koncerna disko. Tiun ĉi fakton kompreneble la filmverkisto devas priatenti, la temo devas doni al la komponisto eblecojn kaj okazon por kreado de tiaj kantoj. La filmverkisto — plej ofte sklavo de la publika gusto — devas sekvi la dezirojn de la fabrikistoj, kiuj preskaŭ neniam priatentas la vorton »arto«, sed ĉefe kaj ĉiam la vorton »negoco«.

Speciala ĉapitro estas la filmigo de romano aŭ teatraĵo. La filmfabrikistoj treege ŝatas filmigi librojn, kiuj havis sukceson. La opinio ke oni facile entiros la legintojn en la kinojn, estas tute prava. Krome la filmfabrikistoj opinias, ke libro presita ja ĉiuokaze prezentas ian valoron, ĉar la romano ja trapasis jam la cenzuron de la eldonistoj, de homoj ja ankaŭ sufiĉe saĝaj kaj negocspertaj, — dum originalaj filmmanuskriptoj prezentas en sia maŝinskribita formo ankoraŭ nenion konkretan kaj plej ofte entenas ian tendencon al risko!

La transformado de la romanmanuskripto en filman formon estas malfacila tasko. Multaj filmverkistoj asertas ke verkado de originala filmmanuskripto estas pli facila ol transformado de romano, ĉar ofte la sukcesaj romanoj enhavas malmulte da optika agado. Ofte estas malfacile redukti la agadon de kelkcentpaĝa libro al la rubando de duhora filmo. La dialogojn oni plej ofte ne povas transpreni en ilia roman-formo. La enhavo ofte devas esti ŝanĝata laŭ filmaj vidpunktoj. Kelkaj figuroj devas forfali, novaj devas kreiĝi. Tamen oni devas gardi la linion de la libro, proksimiĝi al la spirito de la aŭtoro.

Ofte okazas, ke la firmo dungas kelkajn verkistojn por la kreado de la filmmanuskripto. Ili ofte malpaciĝas inter si, la firmo dungas novajn filmskribistojn, kiuj denove ŝanĝas tion, kion kreis la aliaj. Venas la aŭtoro, kiu akre protestas, kaj ofte tiuj miskomprenoj finiĝas per procesoj. Ĉio ĉi ne favore influas la manuskripton, kaj la legintoj de la romano ofte ne rekonas poste la romanon de sur la ekrano.

La cirkonstancoj, en kiuj naskiĝas hodiaŭ filmmanuskripto, estas tre malfacilaj kaj kaosaj. La individuo de l' aŭtoro, gardata absolute en la romano aŭ teatraĵo, perdiĝas en la komplikita maŝinaro de l' filmindustrio. Bedaŭrinde — ĉar nur flanke de la aŭtoro povas veni novaj ideoj, kiuj levos la filmon sur pli altan nivelon. Plej ofte la spiriton regas la maŝino — ne inverse! La filmmanuskripto estas kaj restas la fundamento de ĉiu filmo, kaj nur el la manuskripto povas elkreski la arta filmo, kian ni ĉiuj tiom aspiras!

Ni presas ĉi sube parton el la filmmanuskripto »Mr. Tot aĉetas mil okulojn«. La formoj de la manuskriptoj estas diversaj, kaj tiu ĉi formo ankoraŭ ne estas la finfina. Ĝi estas kvazaŭ la bazo, la komuna planko, sur kiu komencos eklabori en kuna laboro la scenariistoj, dramaturgoj, komponistoj, reĝisoro kaj operatoro. Sed ni esperas, ke ĝi donos ian imagon pri la hodiaŭa filmmanuskripto. Kiam oni filmigos tiun ĉi romanon, ni revenos al la temo »filmmanuskripto«.

## Filmmanuskripto „Mister Tot aĉetas mil okulojn"

*(Fragmento)*

*EN LA »CASINO-BAR«:*

1.) La aparato glitante malrapide montras la altan trinktablon kun la miksisto kaj la verŝknabinoj kaj la gastojn, sidantajn sur altaj seĝoj.

Dum malproksima jazmuziko, babilantaj kaj ridantaj voĉoj aŭdiĝas —

2.) ekhaltas la aparato! Kaj vidiĝas granda: la kapo de kokota virino, suĉanta per pajlero perlantan trinkaĵon. Ŝi ekridas ebrie kvazaŭ en subita rememoro, babilante al najbarino fumanta cigaredon:

»Hahaha! Stranga viro tiu amerikano... imagu, li flirtis kun mi dum tuta vespero... kaj kiam mi volis ĉirkaŭbraki lin, li subite repuŝis min, montris vizaĝon de mortema malesperulo, ĵetis al mi monbileton kaj foriris! Haha!«

3.) La dua virino, kies nuda brako kuŝas sur vira ŝultro:

»Stulta, vi ne sciis trakti tiun amerikanon! Malsaĝa, lasas forgliti tian riĉegulon... Ĉu vi ne vidis? Liaj poŝoj ja estis plenplenaj de monbiletoj...«

4.) La unua ebria virino, levante la ŝultrojn:

»Li estas tro komplikita... ĉiuj plendas pri li... li estas riĉa, sed samtempe malfeliĉa, oni diras... haha!... malfeliĉa... riĉa kaj malfeliĉa... hahaha...!«

La bildo malklariĝas kaj transiras en novan:

*NOKTA STRATO:*

5.) Aperas malklara granda: la kapo de Mr. Tot, migranta malrapide laŭlonge de solega nokta strato.


Marlene Dietrich


Maurice Chevalier


Jeanette MacDonald

Dum ankoraŭ aŭdiĝas pli kaj pli malproksimiĝante la mokrido de la ebria virino kaj ripete la vortoj: »riĉa kaj malfeliĉa... hahaha!«

6.) Aperas pli klara: la seriozega kaj malserena vizaĝo de la amerikano. Liaj okuloj rigardas fikse en la mallumon.

Dum la mallaŭta ĵazmuziko transiras en melankolian, malgajan violonludon de tangomelodio...

7.) La amerikano ekhaltas. Dum momento li staras sendecide kaj ne sciante, en kiun direkton sin turni. De malproksime brilas la moviĝantaj reklamlumoj de granda strato. Li rigardas tien, fine li turnas sin por iri al tiuj lumoj.

8.) La aparato akompanas la marŝantan amerikanon laŭlonge de la domoj. De tempo al tempo preterpasas strata lanterno.

La muziko fariĝas hezitema, motivo de danĝereco subite aperas en ĝi —

9.) Ĉar jen ekhaltis la aparato! Kaj dum la amerikano paŝas plu, preskaŭ elirante la bildkadron, la aparato iom turniĝas kaj

10.) staras antaŭ doma enirejo, en kiu vidiĝas silueto de viro! Singarde sin elŝovante el la malluma niĉo lia pala osteca vizaĝo postrigardas la amerikanon.

Kaj dum la muziko preskaŭ eksilentas —

11.) Granda: Dro Kivikas! Li rigardas senmove en la direkton de la iranta amerikano. Super lian palan vizaĝon ekkuras mistera triumfa rideto. Lia malgrasa longfingra mano levas enpense la cigaredon al la lipoj. Li malrapide elbuŝigas la fumon. Kaj denove rideto ludas ĉirkaŭ liaj lipoj.

12.) Nun li singarde turnas la kapon, kvazaŭ li volus esplori la terenon —

13.) Post tio li ekpaŝas kaj sekvas rapide la amerikanon.

Kaj dum la muziko pli laŭtiĝas —

14.) La amerikano pli kaj pli proksimiĝas al la lumoj de la granda strato, kies bolanta nokta vivo fluas renkonte al li. En singarda distanco sekvas lin Dro Kivikas.

La muziko pli kaj pli ilustras la noktan bruon de la strato. Kaj dum tiuj akraj tonoj transiras en la logajn voĉojn de cigana orkestro —

*ANTAŬ KAFEJO NOKTE:*

15.) Vidiĝas tra la granda fenestro de la kafejo, tra diafanaj kurtenoj, tra cigareda fumo: ĝia interno! Publiko ebripetola, la orkestro, kurantaj kelneroj.

16.) Kaj Mr. Tot, staranta sendecide, sed kvazaŭ logata de la muziko. Tiel li enpaŝas fine.

17.) Granda: la ŝtona vizaĝo de Dro Kivikas, kiu rimarkis tion precize!

# FILMOBSERVO

*R. Siodmak: STÜRME DER LEIDENSCHAFT*

Nova Jannings-filmo: Ventegoj de l' pasio! La rakonto pri la krimulo Bumke kaj lia amafero. *Emil Jannings* en la rolo de primitiva besthomo, bonkora, kvieta sed samtempe danĝera kaj terura — se oni lin incitas aŭ trompas. Sekse ligita al virino, erotika servutulo, senbrida en sia pasio kaj blinda samtempe en sia venĝemo. Figuro, kian li kreis jam en multaj filmoj. Li restas la sama malnova aktoro, kia ni konas lin: Jannings kaj lia ludo restas la sama, la sama — tamen unika kaj bonega!

Apud li — la virino — logantino *Anna Sten*. Jen fine elsaltas ŝia talento, kian ŝi montris en la rusaj filmoj! Kulmina aktorina talento, rasa virino, kian oni amas kaj malamas samtempe. Ĉu merito de la reĝisoro, kiu ŝin gvidis?

Tiu ĉi reĝisoro *Siodmak*, ankoraŭ antaŭ 1—2 jaroj nekonata reĝisora asistanto, juna sinjoro kun okulvitroj subite staras en la unua vico inter la reĝisoroj. Certe — lin helpas la bonega teknika aparataro kaj fakularo de la UFA, sed estas kelkaj scenoj majstre faritaj. Guste la scenoj, en kiuj la tekniko ne ludas gravan rolon. Ekzemple la interparoloj inter la kriminalkomisaro kaj la krimulo. Atmosfero streĉanta la nervojn. La dialogo triumfas...

La manuskripto tre lerte konstruita. Plena de erotiko, plenplena de pasioj kaj bestaj senteksplodoj. La agado moviĝas treege proksime preter la kiĉo. Nur la brila tekniko savas kaj tenas la temon sur la nivelo de l' elportebleco. Ĉiumomente ekfaŭkas la abismo de l' fuŝartajo. Tamen — la kino-kaĉo estas bone preparita, oni povus ĝin nomi artfrandajo. Ĝi gustos sendube al la publiko!...

La reĝisoro Siodmak fariĝos certe artisto-reĝisoro, kiam li elektos pli altnivelan temon. *F.*

*VOĈOJ DE LEGANTOJ.*

*Ĉu la tekniko venkos Esperanton?* (artikolo en la decembra numero). Sed kio pri diverslingva *aŭskultantaro?* En Egiptujo kutime la kinejoj havas apud-ekranon, sur kiu aperas la tekstoj (titoloj) en du lingvoj, krom la lingvo sur la ĉefekrano. Pli grandaj kinejoj havas du apud-ekranojn kaj uzas kvin diversajn lingvojn samtempe por titoloj (franca, angla, araba, itala, greka). Sed kiel *paroli samtempe* en 5 diversaj lingvoj! Ĉu niaj kinejoj adaptu orelajn aŭdigilojn kiel ĉe iuj internaciaj konferencoj? Ĉu teknike estas eble tiel disaŭdigi sonfilmojn samtempe en diversaj lingvoj?

*Samideano C. M. C. Port Said.*

*Kiam ni Esperantistoj fariĝos modernaj?* Kiam ni uzos modernajn propagandilojn? La filmo estas la plej potenca propagandilo. Mi tute aprobas la ideojn esprimitajn en via artikolo »Kiam ni havos nian Esperantan filmon?« Precipe plaĉas al mi la ideo pri la »aktualaj semajnoj« kaj por mi tute ne estas kompreneble, kial ni ne priatentas tian bonegan propagandilon?!

Ni faras ĉiujare grandan multekostan internacian kongreson, sed la homoj apenaŭ ion aŭdas pri ĝi. Se la aktualaj filmsemajnoj raportus ĉiujare pri la kongreso, la publika opinio (milionoj da homoj!!) estus multe pli favora al nia afero. Kiu kulpas? Kiu organizajo devas okupi sin pri tiu ĉi gravega demando? I. C. K., K. R. aŭ U. K. (Universala Kongreso) ???

*J. Wozminsky (Polujo).*



Emil Jannings



# OBSERVO

HENDRIK ADAMSON. Antaŭ nelonge ekverkis Esperante la estona poeto kaj verkisto Hendrik Adamson, pri kiu diris foje la konata estona verkisto Friedebert Tuglas, ke kelkrilate al li apartenas kulminaj atingajoj en la estonaj poezio kaj prozo. La kreado de H. Adamson estas spontana kaj okaza kaj sentiĝas tial ofte fragmenteca. La vivo tro elreligis lin per sia bagatelemo, forte impresante lian verkadon. Pro lia troa sentemo al la nuda realeco de la vivo ĉi ties krudeco kaj senkompateco lasis detruajn postsignojn en lia animo. La fundamenta temo de la verkoj de Adamson estas intimelegia rilato al la mondo kun certa inklino al humoro.

Entute aperis tri poemaroj de Hendrik Adamson. El ili la unua »Mulgilando« (1919) estas plena je amo al ĉi tiu distrikto en Estonio, lis hejmloko, dum la dua »Homo« (1925) tuŝas profunde la vivproblemon. La tria poemaro »Tajdo« (1931) montras rec, ke Adamson estas poeto de sentoj profundaj, scipovanta kunfandi esprimojn de moderna poezio kun popolecaj dirmanieroj. Lia unua novelaro »Verda lacerto« (1925) estas unu el la plej originalecaj en la tuta estona literaturo. En la »Orblonda junulino« (ankaŭ 1925) estas troveblaj multaj personaj trajtoj, dum »Ĉe ora tagiĝo« (1928) prikantas junecajn rememorojn de la verkisto.

Hendrik Adamson ŝatas verki en sia hejmloka dialekto: nun, lerninte Esperanton, li ekverkis ankaŭ en lingvo internacia. Ni sincere ĝojas, ke ni povas nomi lin unu el la fervoraj adeptoj de la lingvo, sed entute de la granda ideo de lingvo komuna por ĉiuj popoloj.

*GERHART HAUPTMANN: ANTAŬ SUNSUBIRO.*

La nova teatrajo de Gerhart Hauptmann, kiun nun prezentis la Berlina Deutsches Theater, eĉ ne konsiderante la varmegan atmosferon de l' premiero, okupos tute certe sian lokon en la vico de la klasikaj verkoj de la germana literaturhistorio. Kiuj ĉeestis el la membroj de la pli aĝaj generacioj la neforgeseblan vesperon de la teatro de Reinhardt: tiuj certe revagis pense en la perspektivon de preskaŭ kvardek jaroj, kiam al la teatrajo »Antaŭ sunleviĝo« de la juna Hauptmann ili aplaŭdis kun entuziasmo simila al la hodiaŭa. Eble oni povus rigardi simbolo ĉi tiujn du staciojn de la fenomena poeta kariero; la kritikistojn ja — de la plej ekstrema maldekstro ĝis la ekstrema dekstro — hejtis la sento: de ne simpla premiero estis atestanto tiuvespere la invitita publiko de l' Deutsches Theater.

Unuflanke sepdekjara viro, aliflanke deknaŭjara knabino — la historio de tiaspeca amo malofte finiĝas per *happy end.* La ŝtatkonsilanto de Hauptmann perdas sian edzinon kaj tiu ĉi perdo minacas per plena anima ruiniĝo. Tiam li renkontiĝas kun la knabino kaj tiu ĉi renkonto de aŭtuno kaj printempo profunde ekskuas ambaŭ. La viro volas reakiri eble per la lasta ekflagro de sia subiranta vivenergio la jam perditajn enhavon kaj sencon de sia vivo; kaj la knabino — ne ventanima, rigardanta nur eksterajojn, sed profunde pensema kaj profunde sentema animo — vidas fatan ordonon en tiu ĉi renkonto. Estus malfacile konstati: kiuflanke estas pli forta la amo. Sed la knabino, kun sia deknaŭjara kapo decidas en si pri ĉio kaj pri ĉiu. Se mi ne povos

estí la lia — ŝi diras mallaŭte kaj sen ĉia patoso — mi mortos. Tria vojo ne ekzistas ...

Sed la viro mortas. Ne en eksterordinara maniero, sed laŭ la ordo de l' naturo. Kaj tiamaniere kovras delikata nebulo la fareblan demandon : ĉu ili jam havis pli proksiman rilaton unu kun la alia. Hauptmann ne respondas la demandon. Kaj estas ja bone. Ĉar kiel ajn sonus la respondo : tiu ĉi nebulo estas pli poezia kaj pli delikata. Kaj ĉiu anstataŭas ĝin, per kio li volas.

Jen unu parto de la teatrajo : la ama tragedio. La alia parto estas nomebla eble familia dramo. Kiel defilas la tuta »ama« familio de la sepdek jara viro, por malhelpi la novan geedziĝon. Laŭdire nur pro amo, sed el sub la surfaco troe tro trabatas sin la materiala intereso, la trema timo por la hereda ĉasajo. Tiu ĉi familia dramo havas scenon, pri kiu oni povas kaj oni devas mediti, sendepende de la teatrajo. La viro havas filon, kiu naskiĝis siatempe inter grandaj malfacilajoj. Post tre grava operacio oni kredis, ke li eĉ ne restos viva. Kaj tiam la patro prenis en siajn brakojn la novnaskiton, karesadis ĝin, kaj oni kvazaŭ povas diri, ke la kapon, deformitan de la operaciiloj, li refaris denove normala. Kaj la filo nun volas uzi eĉ la helpon de la leĝo kontraŭ sia dua kreinto. Kaj li volas pruvi, ke en la cerbo de sia patro estas troveblaj gravaj difektoj. — Li havas sian cerbon dank' al sia patro, kaj nun li kalumnias la cerbon de sia patro . . .

La poeto parolas en la tri aktoj de la *Vor Sonnenuntergang* kaj nenie sonoras tiu ĉi voĉo fa'se aŭ lace. Tre domaĝe, ke mi devas raporti pri la nova verko de Hauptmann nur per la skribitaj paperaj tri aktoj. Ĉar devis esti aparta travivajo, kiam la vortoj de la sepdekjara poeto ekviviĝis sur la scenejo de la Deutsches Theater.

*Karlo Bodó*

# RECENZO



*Ĉiujn librojn, ricevitajn en du ekzempleroj, ni recenzas. Unuope ricevitajn librojn ni nur mencias. — La recenzoj esprimas nur la opinion de la recenzinto kaj ne tiun de la redakcio. Pro tio la redakcio tre volonte publikigas interesajn kontraŭopiniojn, koncernantajn iajn aperintajn recenzojn. — La libroj, ĉi tie menciataj kaj recenzataj, estas haveblaj ĉe la librofako de nia eldonejo.*

HISTORIO DE KRISTO de *Giovani Papini*. 575 paĝoj. Prezo : Broŝ. 13 sv. fr. Bind. 16.20 sv. fr. Eldono : A. Paolet. S. Vito al Tagliamento.

Ĉiam aktuala, neniam elĉerpebla temo estas la vivo kaj filozofio de la Nazaretano, kies martirmorto sur la kruco signifis novan aŭroron por la homaro. La legendaro kaj historio, la Bibliaj kaj apokrifaj evangelioj starigas lian gigantan spiriton antaŭ la okulojn de generacioj dum du jarmiloj kaj... kaj la homoj eĉ hodiaŭ ne komprenas aŭ ne volas kompreni lin. Tre strange, kvankam lia spirito vivas inter ni kaj lia majesta simpleco ĉiutage inspiras la homojn por vera fratiĝo, tamen oni vole nevole konstatas, ke certagrada miskompreno vualas la klaran percepton pri li kaj pri lia instruo. Kristo savis la mondon, sed ofte ŝajnas al la meditanto, ke la mondo ne deziras saviĝi. Kial ? Certe pro diversaj kaŭzoj. Kio okazus, se ĉiu homo havus sanajn okulojn ? Verŝajne la optikistoj baldaŭ fermus siajn butikojn. Sed la okuloj estas diverspovaj, do sekve ankaŭ la okulvitroj havas diferencajn ecojn. Ofte okazas, ke ĝuste la oficiale rekomendita binoklo efikas malbone kaj la uzanto iom post iom perdas for el la vido la akrajn konturojn de la rigardata objekto. Tiukaze li flankenŝovas la binoklon kaj provas vidi per propraj okuloj . . . Tia ĉiutaga tragedieto okazis al mi en mia 13-a jaro. Mi devis flankenmeti la okulvitrojn por ne nur rigardi, sed ankaŭ vidi tiun spiriton, je kiu mi sopiris kun mia soifa infana animo . . . kaj sen okulvitroj ĉiupaŝe en la vivo mi renkontis la fenomenojn de tiu Krista spirito, kiun nur nebula, tro enkadrigita mi vidis tra la oficiaiaj vitroj. Kaj tiuj korkaresaj renkontoj konstante ripetiĝas, sed preskaŭ ĉiam ekster la limoj oficialaj. La Krista spirito vivas, la Krista spirito ne lasas sin entombigi aŭ kateni, sed Ĝi libere movas sin sur la tuta tero kaj ne toleras, ke Ĝi estu privilegio de religio, raso aŭ kontinento. La Krista spirito estas la sola inspira konsolo por tiuj, kiuj kun malfermitaj okuloj devas vivi en la mondo de la ĥaoso.

Kun tiaj pensoj mi prenis en la manon la verkon de Papini kaj mi legis, legis, sed tre malmulte mi travivis. Mi sentis miajn okulojn laciĝitaj de la oficiale rekomenditaj okulvitroj kaj la ĉiutage renkontatan Kristan spiriton nur nebulece mi povis trovi en la longaj parafrazoj. Vole-nevole mi devis sperti, ke la ĉiam aktuala kaj neelĉerpebla temo tamen superis la talenton de la verkisto, kiu cetere estas bonega stilisto, majstro de la plumo. Eble la stilisto kaj ne lia talento kulpas pri tio, ke mi ne rekonis pleniluzie la mildajn trajtojn de Kristo, la eterne vivanta. Li aperis antaŭ mi troornamita, liaj paroloj ŝajnis esti saturitaj de ia oficiala digno de Senditoj kaj ofte mankis el li tiuj senartifika modesteco kaj sincerkora spontaneeco, kiuj iam formis lian plej individuan allogecon kaj kiuj havis forton post lia morto krei novan mondon. Mi diris, ke ofte, sed feliĉe ne ĉiam, ĉar tie, kie ne sole la rutino de la virtuozo, sed ankaŭ la inspirita artisto aperigas lin antaŭ la leganto, la verko montras siajn altajn valorojn, kiuj faris ĝin mondfama.

La apero de la 575 paĝa libro en Esperanto estas salutinda, ĉar ĝia traduko ĝenerale bone impresas, estas flua kaj kelkloke per elegantaj parolturnoj riĉigas la lingvon. Ĝi certe fariĝis konsiderinda valoro en la religia literaturo de Esperanto, ĝi alportos utilon el diversaj vidpunktoj por la leganto kaj krome ĝi havas ne malatentindan propagandan valoron en nia movado. Mi kore gratulas la eldoninton por la impona eksterajo de la libro, la nekonatan tradukinton por la granda laboro, konscience kaj entuziasme farita, ankaŭ la verkiston por la verko mem. Bedaŭrinde ĝia antaŭparolo, treege interesa el certa vidpunkto, ofte malhelpas dum la legado de la verko, en kiu oni ofte renkontas moralan instruon en la tono kaj stilo de la antaŭparolo. *Jobo.*

JOHN MERCHANT : KOMPATINDA KLEM. 90 paĝoj. Eldonejo : The Esperanto Publishing Co. Ltd. London. 1931. Prezo : broŝ sv. fr. 1.60, bind. sv. fr. 2.50.

Nemultpretenda verko, kaj se oni legas ĝin kiel tian, oni trovos ĝin simpatia, amuza rakonto, kiu neniam enuigas la leganton. Temas pri riĉa angla junulo, kiu dum vojaĝo al la Helsinki-a mondkongreso konatiĝas unuafoje kun la »granda mondo«. Ĉarmaj, humoraj epizodoj de l' ŝipveturo, la tumulta svarmo de l' diversnaciaj esp-istoj, postkongresa vojaĝo al Stockholm, Berlin, Amsterdam formas la unuan, pli longan parton de l' libro. La duan parton okupas okazajoj post la reveno al Anglio: historio de juneca amo, komplikita per konkuro de rivalaj fabrikisto-familioj, sed kun la kutima *happy end*. Evidente tiu ĉi dua parto estas la pli sukcesa, la fluo de l' rakonto en ĝi estas la plej vigla, la plej turnoplena. Sed ankaŭ la unua parto kapablas teni vigla la interesiĝon de l' leganto. Oni bedaŭras nur, ke Merchant rigardas per la okuloj de ŝablona *globe-trotter*, kiu memoras pri la dumvoja marmalsano, pri la diversaj, sufiĉe oftaj, altabliĝoj kaj manĝadoj, pri kelkaj okulfrapantaj kuriozajoj (ekzemple pri groteska aventureto en finna banejo), do

pri la eksterajoj. Multe pli interesus min romano, kiu kondukas la leganton ne nur en la eksteran kadron de Esperanto-kongreso, sed kiu kapablus sensigi ĝian specialan atmosferon, (tamen senteblan ankaŭ en la Merchant-libro, sed nur surface,) romanon, kiu malkovrus al ni la psikologiajn efektojn de tia internacia rendevuo.

Sed Merchant ne ambiciis tian verkon. Se mi bone divenis, lia celo estis : doni konvenan, amuzan legaĵon en la manon de la esp-ista junularo, legaĵon, kiu per sia facila lingvo, iom seka, sed bonvena humoro kutimigos novajn adeptojn al la lego de Esp-aj libroj, samtempe ĝi iom konigos al ili la esp-istan vivon. Kaj Merchant sukcese solvis sian taskon. Mi rekomendas la libron al la atento de kursgvidantoj por progresintoj.

Pri la stilo de Merchant mi povas diri nur, ke ĝi estas senriproĉe agrabla. Tamen mi devas noti, ke li malĝuste uzas la esprimon »edziĝo de virino« anstataŭ »edziĝo kun virino«, aŭ »edzinigo de virino«. La uzo de »unu« kiel nedifinita artikolo mirigas en Merchant-libro.

*Ludoviko Totsche.*

G. D. NASH : »MINIATUROJ«. 58 paĝoj. Eldonejo : The Esperanto Publishing Co., Ltd. London 1931. Prezo : sv. fr. 2.50.

FAKTOJ : En la libreto mi trovis la jenajn vortojn (mi citas ilin en la kazo, en kiu la aŭtoro ilin uzas.) : *geamantuloj, viv-sanec', patrego, oretar', salutegon, nekonvinkitulo, enbankuve, estimatulino, stultulaĉo, glorestonteco, ĝojamikeco, junemec', honestulin' korŝiritulino, esperiĝu, mond-vivemec', senteco, foresteco.* La aŭtoro uzas la *el* prepozicion en tre strangaj kunmetoj, ni vidu kelkajn : *Elkisindaj, elterura, elsc!anta, elsaturado, elsenkuraĝigite, elforiro, elklarigo, elsimpliĝos, elsanigantajn, eloleumita, elkompreni, elforgesitajn.* Inter aliaj ni legas : »la viajn gefratojn«. La sufikso *ec* estas uzata proksimume 60 foje, plejparte tute sen bezono, nur por »rimi«. Pli ol 150 rimparojn mi trovis nuraj adasismoj, do *ne* rimoj ! Ekzemple ni vidu la »rimojn« de la poemo (naŭversa) »La donaco« : terceton-festeton-trijaruleton, pensado-versofarado--ĝojado, plorĝemegon-benegon pupegon. Mi trovis tiajn strofojn :

»Nune kapablas festi mi
Duoble novan ĝojemecon.
Reviviĝinto, — donis vi
Al mi ĝojrevivecon !«

»Gegastigintoj miaj tre bonkoraj, —
El viaj don-esprimoj de amec',
(Ĉar nemeritaj nepre pli trezoraj.)
Unu min elplenigis per ĝojec'.«

»En unuj tagoj — tro bone ni spertas
Ke ĉio maliĝas — nemo bonstatas.
Pri tio neniu profeto avertas,
Nek iel al io la kaŭzo rilatas.«

»Tiam li portis lignan fosileton
Sed, — dum fuŝad' de ofta transloĝec', —
Perdis, kaj nun ni vidas nur trueton.
(Tute ne ĝenas lin la pereec'.)«

Mi esperas, ke miaj legantoj pardonos tiujn ĉi citojn, sed mi trovis necese, ke *per ili* mi klarigu mian juĝon pri la libro. Mi pensas, ke ĉiu plua karakterizado pri la lingvokono kaj poeta esprimpovo de l' aŭtoro estus superflua, la supre cititaj faktoj ja mem parolas... Tamen oni devas rekoni, ke en kelkaj poemoj ni vidas nekontesteblajn signojn de poeta talento, kelkfoje la temo de l' poemo atestas pri poeta sento, poeta ekvido. Kelkfoje oni sentas la tenton korekti poemon, kiu meritus definitivan ellaboron. Ĉar en la nuna formo tiuj ĉi versoj ŝajnas esti nur provadoj verkitaj por la propra skribtablokesto...

DEMANDOJ : Kiu estas responda pri tio, ke tiuj ĉi versoj en sia nuna formo venis antaŭ la publikon ? Ĉu la aŭtoro ne opinias, ke antaŭ publikigo de versvolumo estus konsilinde preni bonan lernolibron kaj ellerni la lingvon ? kaj poste multe legi niajn plej bonajn poetojn kaj nur post ĉio ĉi ekverki proprajn poemojn ? Kaj antaŭ publikigo peti konsilon de kompetentulo ? (En Anglio ja estas multaj eminentaj esp-istoj !)

Ĉu la eldonejo ne havas kompetentan lektoron, kiu povus doni fidindajn konsilojn pri la elekto de l' eldonotaj libroj ? Ĉu la eldonejo ne vidas, ke per la eldono de tiaj provadoj ĝi malutilas al la afero de l' Esp-a libro, al siaj propraj negocaj interesoj kaj al la veraj interesoj de l' aŭtoro mem ?

KONKLUDO : Mi devas eldiri la verdikton, je kiu esp-istan kritikiston devigas nur ekstrema neceso : mi ne povas rekomendi ĉi tiun libron.

*Ludoviko Totsche.*

VINGIE E. ROE : LANDO de ARĜENTA AKVO. Tradukita de Edward S. Payson. 48 paĝoj. Eldonejo : Esperanto Asocio de Nordameriko. 0.50 dol.

Facila poramuza rakonto. Literatura valoro : nulo. Flua stilo. Riproĉinda estas kelkfoja superflua uzo de l sufikso *ad*, la uzo de l' verbo *ĉagreni* anstataŭ *ĉagreniĝi*.

*L. T.*

*DRO F. SZILÁGYI : AZ ESZPERANTÓ NYELV, 16 könnyü leckében, illusztrációkkal* (La Lingvo Esperanto, en 16 facilaj lecionoj, kun ilustraĵoj). Hungarlingva eldono. Formato : 23×15.5 cm. 40 paĝa. Eldonis : Literatura Mondo, Budapest. Prezo, kun ŝlosil-aldono : 1.50 pengoj.

*Amuze instrui* estas la celo de tiu ĉi nova lernolibro por hungaroj, kaj trafoliumante, oni konvinkiĝas, ke ĝi plene atingas sian celon. Ĝi konigas al la komencantoj la elementojn de la gramatiko (nur la nepre necesan materialon !) kaj per lerte kunmetitaj ekzercoj kaj demandoj tuj kondukas la lernanton en la Esp-an konversacion. Pro tiu ĉi propreco la libro konvenas prefere por *parola* instruado, por memlernantoj estus necese aldoni suplementan kajeron kun traduk-ekzercoj kaj ŝlosilo.

La lernantoj certe rapide ekŝatos tiun ĉi lernolibron, ĉar ĝi kiel eble plej multe faciligas la laboron de l' lernanto. Ekzemple la unua leciono enhavas nur internacie konatajn vortojn, uzatajn senŝanĝe ankaŭ hungare, ilin kompreneble la komencanto tuj rekonas ; mi mem, ekzemple, havis momenton, kiam subite mi ne sciis, ĉu esperante, aŭ hungare mi legas. Kaj la aŭtoro ĉiam sukcesas trovi ŝercon, anekdoton, kanttekston (li inter la unuaj rekonis la valoron de l' metodo: kantigi la lernantojn), per kiu li faras amuza la instruadon kaj revigligas la eble iom laciĝintan atenton de l' lernanto. Apartan kaj sufiĉe ne aprezeblan valoron de l' libro reprezentas la vere spritaj desegnaĵoj, kiuj ilustras la gramatikajn klarigojn de l' aŭtoro. La lernanto ridante komencos la laboron : ĉu estas imagebla pli multpromesa uverturo ? (Kaj ni ne forgesu, ke la ŝercoj, spritaĵoj de l' libro ne apartenas al la kutimaj, antaŭdiluviaj ŝablonaĵoj de l' lingvolibroj : tute ne, ili estas modernaj, aktualaj, kelkfoje ili eĉ ne senas aludojn je sociaj eventoj kaj fono.) La libro estas samtempe varbilo : ĝi ne lasas sola la ellerninton, sed klopodas tuj varbi lin por la societa vivo kaj por la Espa literaturo. Ni devas saluti la libron, kiu, per sia senpera voĉo kaj facile komprenebla teksto kvazaŭ streĉas la interesiĝon kaj scivolon eĉ de tiuj, kiuj eble sen serioza lerna intenco foliumas ĝin.

La senripoĉa eksteraĵo, la bona papero nur altigas la ĝuon de l' leganto. Ĝia apero signifu aperon de tre multaj novaj esperantistoj.

*Karlo Bodó.*

*P. FIRU KAJ S. PRAGANO: RUMANA BONHUMORO EN ELEKTITAJ RAKONTOJ.* (Eld. S. Pragano, 62 p.)

Libro, kiu tre plaĉas al mi ; titolo, kiu ne plaĉas. La sendube bonegaj noveloj, skizoj aŭ estas karakterize rumanaj (— satiroj), sen bonhumoro, (eĉ vipe amaraj), aŭ preskaŭ pure bonhumoraj, sed ne speciale rumanaj. La eminentaj satiroj de Carageale kaj Creanga radias la plej internan nacian aromon, kiu estas ĝuinda kaj ĝuenda. Sed ne malpli plaĉa estas la sana »gamin«-ridego de Herz. La traduko estas vigla kaj inteligenta ; same la elekto de la verketoj estas tre kontentiga, sed la antaŭparolo estas tro skiza kaj sen klarigoj pri la aŭtoroj.

*F. Szilágyi.*

*GRAMATIKOJ KAJ VORTAROJ.* L. Turno : Kompletny podrecznik jezyka Esperanto. — L. Turno : Slownik Esp. — Polski, Polsko — Esp. (Eld. dr L. Dreher, Krakow Prezoj : lZ. 1.25 kaj 1.—) — Roublof : Cours Prolétarien d' Esperanto. (Eld. Ekrelo, Leipzig. Prezo : GM 1.—) — H. Rikand : Eesti Esperanto Sönastik. (Eld. Tamverki Esperanto Kirjastus, Haapsalus. Prezo : So. fr. 1.—)

La pola gramatiko de Turno (72 p.) estas taŭga por sololernado. Malpli por grupo. La vortaro de la sama aŭtoro enhavas ĉ. 1700 radikojn.

Pri la bona gramatiko de Roublof ni jam parolis ĉe la ruslingva eldono.

La estona vortareto estas tre belaspekta (174 p.) kun ĉ. 7500 estonaj vortoj kaj signifoj.

SIRKALENDARO POR 1932. Praktika mur- kaj tablo-kalendaro kun semajnfolioj. La nunjara kalendaro estas multe pli valora ol la pasintjara. Ĝi enhavas utilajn indikojn, artikolojn, poemojn, pli ol 100 anekdotojn, spritaĵojn, ridigajn preserarojn, humorbildojn (ĝi estas precipe dediĉita al la bonhumoro) kaj amason da bonaj konsiloj por esperantistoj, parte en formo de sentenco, ekz. : Toleremuloj estu ja ni, ĉiam laboru en harmoni' ! — Ĉu britoj, francoj, germanoj — ni estu samideanoj! La kalendaro kostas, kiel murkalendaro, gmk. 1.50 ; kiel tablokalendaro, kun metala submetaĵo, gmk. 3.20. Eldonejo »Heroldo de Esperanto«, Brüsseler Str. 94. Köln, Germanujo.

Viaj amikoj — la libroj. ILUSTRITA KATALOGO DE HEROLDO. Eldono 1931/32. Utila gvidilo tra la eldonaĵoj de Heroldo. Preskaŭ ĉiu estas prezentita per bildo kaj detaleta priskribo, tiel ke elekto estas grave faciligita al la aĉetemulo de taŭga Esperanta libro. La ilustrita katalogo estas presita sur bonega papero, ĝi ampleksas 24 paĝojn kaj kovrilon kaj estas senpage havebla de la eldonejo »Heroldo de Esperanto«, Brüsseler Str. 94. Köln, Germanujo.

KATALOGO DE LIBROJ, Numero 8, Novembro 1931. 48-paĝa katalogo (32+XVI paĝoj) enhavanta liston de ĉiuj libroj haveblaj ĉe Heroldo, krome la kondiĉojn de liverado, tarifon de la ĵurnalo »Heroldo de Esperanto«, mendilojn ktp. Ricevebla senpage de la eldonejo »Heroldo de Esperanto«, Brüsseler Str. 94. Köln, Germanujo.

ESPERANTO-SIGELMARKOJ EN 12 LINGVOJ. Sigelmarkoj kun propagandoteksto en la lingvoj angla, ĉeĥa, Esperanta, franca, germana, hispana, hungara, itala, nederlanda, pola, serbo-kroata kaj sveda. Trikolore presitaj. Ĉiu lingvo en aliaj koloroj. En folioj po ok markoj temantaj pri radio, trafikoj transoceana, aviada, fervoja kaj aŭtomobila, sporto, turismo kaj internacia komerco. La tekstoj rilatas kun rilataj vinjetoj. 10 folioj (80 markoj) de unu lingvo kostas germ. mk. 0.55 100 folioj kostas germ. mk. 4.40, inkl. sendkostoj. Eldonejo »Heroldo de Esperanto«, Brüsseler Str. 94, Köln, Germanujo.

**HEROLDO DE ESPERANTO,** la semajna sendependa ilustrita organo de la Esperanto-movado, aperas de post la nova jaro en pli grandaj formato kaj amplekso, kaj kun aro da regulaj aldonoj: Lingva Kritiko, monata revuo por lingvaj demandoj (direktoro : Prof. B. Migliorini, Roma) ; La Bela Mondo, monata paĝo por turismo, banoj ktp. ; Nia Revueto, dumonata organo por la Esperanto-junularo ; La Strigo, paĝo pri literaturo kaj arto ; Humoro, Distro, Ludo, paĝo por distrado ; La Anteno, radiopaĝo ; Sur la kvin linioj, paĝo pri muziko ; La Regno Virina, paĝo por virinoj. Estas atentinde, ke »Heroldo«, kiu jam en sia dektria jaro aperas regule ĉiusemajne, en tiel malfacila tempo kiel la nuna kuraĝas entrepreni konsiderindajn plibonigojn. La eldonejo »Heroldo de Esperanto« (Brüsseler Str. 94. Köln, Germanujo) sendas al ĉiu petanto senpagan ekzempleron de la pliperfektigita gazeto.

*LA LUMO ORIENTA.* Nova kvaronjara organo de la Japana Budhana Ligo Esperantista (Takakura-Kaikan, Rokujo-Takakura, Kioto. Japanujo) Jara abonpago kun kotizo al la Ligo sv. fr. 2.50. Celoj : Internacia diskonigo de Budhismo per Esperanto kaj disvastigo de Esperanto en budhana kampo. Kun budhismaj terminoj. Kaj ne ĉiam korektaj tekstoj.

*P. B.*

# NIA POŜTO

*S-ro Wellner, Valga.* Vian abonon ni ricevis siatempe. Pardonu la erare senditan alvokon.

*S-ro Krumins, Riga.* Via abono alvenis siatempe, sed pro nia eraro ne estis registrita. Nun ni jam sendis ĉion al vi. S-ro Kazoks ricevas la gazeton ĝis la 3-a numero pro tio, ĉar li postulas de la *malnova* L. M. naŭmonatan abonon. Ni ĉiam kun plezuro legas viajn leterojn, ĉar ili estas tre spritaj kaj . . . pravaj. Kial vi ne provas ion verki ?

*S-ro Holger, Holbak.* Dankon pro viaj bondeziroj. Bedaŭrinde nur 5 abonantoj petis bindilon por la unua periodo, ni do devas prokrasti pretigon.

*S-ro Bonde, Falun.* Ni konfirmas la ricevon de sv. kr. 5.— por bindiloj. Pri tiu por unua periodo legu supran respondon. Bonvolu dume disponi pri la restintaj 2.50 kr.

*S-ro Degen, Leipzig.* Vi sendis por abono 7.— mk. Sed la abonprezo estas $ 1.80 = 7.50 Bv. okaze transendi la diferencon.

*GRAVA KOREKTO !* Pro bedaŭrinda eraro kelkaj kliŝoj en la 2-a numero de 1932. ne estas ĝuste subskribitaj, pro kio ni petas la pardonon de la pentristoj kaj de la legantoj.

Sur paĝo 26 la subskribo devas esti : *Hans Arp* (Negeometria Kontruado) kaj ĝi devas esti turnita.

Sur paĝo 31 la subŝkribo devas esti *P. Picasso* (Deformado kaj konstruado)

Sur paĝo 35 la subskribo devas esti Stanislao Grabowski.

*NEOLOGISMOJ :*

*Bohema :* artiste facilanima, senzorga en malriĉo
*etoso :* animo de loko
*kiĉo :* artfuŝaĵo
*koŝmaro :* sonĝteruro
*morna :* prema malhela
*premiero :* unua prezentado de teatraĵo
*sibarito :* ekstreme konfortema, molkorpa, ĝuema
*tenaca :* obstine rezistema, elaste eltenema

A. S. CENTRA ESPERANTO LIBREJO. En la jara ĝenerala kunveno de akciuloj de la Akcia Societo »Centra Esperanto Librejo« en Hago (Nederlando), okazinta la 27-an de Februaro, la bilanco kaj la konto de perdoj kaj profitoj estis aprobataj kaj la dividendo pri 1931 fiksata je 7% (kiel antaŭan jaron). Kiel komisaro estis reelektita s-ro J. L. Bruyn.

Konforme al la statuto la kunveno priparolis la dividon de la plia profito kaj decidis donaci 102.53 guldenojn al la komitato por la starigo de la Zamenhofa monumento en Bjalistok (Polujo).




Neniu libro de la novtempa literaturo havis proksimume tian sukceson kiel la unua milit-libro de E. M. Remarque; aperis jam pli ol tri milionoj da ekzempleroj en preskaŭ tridek lingvoj; milionoj kaj milionoj da homoj tra la tuta mondo ĝin legis kaj estis emociataj de ĝi. Jen la plej fama romano pri la mondmilito; jen tiu verko, kiu skuis la konsciencon de la homaro; jen tiu libro, kiu eĉ en la Esperanto-traduko trovis neatendite bonan akcepton; la unua milo disvendiĝis dum nur du monatoj.

Kun portreto de la aŭtoro. Presita sur senligna papero. 252 paĝoj. Kun dukolora titolpaĝo kaj dukolora ŝirmkovrilo. Tuttole bindite gmk. 6.30, broŝurite gmk. 4.50 + 10%.




Post la unua verko de Remarque, ĉi tiu dua ne povis esti neskribita. »En Okcidento nenio nova« montras precipe la vivon kaj sentojn de l' junaj soldatoj ĉe la fronto; la dua montras ilian »vojon returne« en la hejmlandon, en la ĉiutagan vivon, en mondon fremdiĝintan, kie ili ne plu povis orientiĝi. Majstre verkita libro, reala priskribo de la unua malfacila kaj maltrankvila tempo post la milito, de la malfacilega vojo de l' juna generacio el la milito returne en la ĉiutagan vivon.

372 paĝoj. Presita sur senligna papero, kun dukolora titolpaĝo kaj dukolora ŝirmkovrilo. Tuttole bindite gmk. 7.—, broŝurite gmk. 5.— + 10% por sendkostoj.

**Heroldo de Esperanto, Köln, Brüsseler Strasse 94, Germanujo kaj Literatura Mondo, Budapest, IX., Mester-utca 53, V., 7.**

# K. KALOCSAY:

# ETERNA BUKEDO

**260 poemoj**
**111 aŭtoroj**
**22 lingvoj**

**La plej granda valoro de via biblioteko**

**Prezo dolaroj 2.20 + 10%**

**Eldonis: Literatura Mondo**

Nia sekva numero aperos la 18-an de aprilo

Pestvidéki Nyomda Vácon. Felelős szerkesztő: Bodó Károly. Felelős kiadó: Zöldy István